XVI^a jaro. N^o 237 (5) ⋆ Monata ⋆ Majo 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

Direktinto: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



NUNTEMPAĴOJ

—

## LA NOVLERNEJOJ

—

**Por la starigo de pli bona mondo ĉefgravan rolon ludas la problemo pri la eduko de la estontaj generacioj. En ĉiuj landoj ekzistas movado por la reformo de la ŝtataj lernejoj kaj alpreno de pli bonaj metodoj. Kia estas la vojo sekvota, antaŭmontras la novlernejoj, fonditaj per privata iniciato en kelkaj landoj, kaj jam farintaj multajn eksperimentojn pri la apliko de novaj metodoj. Pri iliaj karakterizoj temas la suba artikolo de la gvidanto de l' Internacia Oficejo de la novlernejoj.**

La novlernejoj, heredaĵo de la penso de l' famaj pedagogoj estintaj, Rousseau, Pestalozzi kaj tiom da aliaj, daŭrigo de la „Philanthropium" de Planta, Salzmann, Basedow, Fellenberg, k. t. p., akiris hodiaŭ apartan gravecon, ĉar kunfluiĝis, kiel du riveroj, la antikva historio kun la tute moderna scienco, ĉi-fake, la psikologio de l' infano.

Ili havas trioblan celon: plenumi la elmemajn psikologiajn spiritbezonojn de l' infano; provizi ĝin per armiloj por la vivo nuna, aŭ pli bone por la morgaŭa; fine ebligi, ke ĝi altiĝu per propra laboro ĝis la universaj spiritvaloroj, sendependaj de l' tempo kaj loko: la vero, la bono, la belo!

La nomo „novlernejo" — Angle „new school" — estis elektita de D-ro Cecil Reddie, kiu kreis la unuan tian instituton dum 1889 en Abbotsholme (Derbyshire). La sociologo Edmond Demolins ĝin enportis en Francion, kie li malfermis dum 1899 la „Ecole des Roches" en Verneuil apud Avre (Eure). En Germanio, D-ro Hermann Lietz nomis siajn lernejojn Land-Erziehungsheime (kamp-edukhejmoj). Sed la plej novaj el tiuj lernejoj, tiuj almenaŭ, kiuj uzis por la tuta lernejanaro la metodon de l' „self-government" (memregado) estas nomataj „Freie Schulgemeinden" (Liberaj lernejkomunumoj). D-ro Gustav Wyneken, en sia atentinda libro „Schule und Jugendkultur" (Lernejo kaj Junulkulturo) iel skizis la filozofion de l' novedukado laŭ ĝia spirituala esenco.

Nefacile estas difini la novlernejon. Multaj institutoj nomas sin „novlernejoj", neniel similante al la modelaj lernejoj, kiuj famiĝis tiun nomon. Oni diras, ke per hipokriteco malvirto konfesas virtecon. La titolo novlernejo, alprenita kiel reklamo, estas konfeso pri la favoro ĝuata de la institutoj vere inspiritaj de l' moderna scienca pedagogio. Estas tamen utile averti la publikon. „Malfidu la falsaĵon", oni volonte krius al ĝi.

Sed kiel la publiko distingos la veraĵon kaj la falsaĵon, ĉar ĝi ne estas sperta pri tio, kaj ĉar la lernejestroj, laŭ la kutimo de l' profesiaj politikistoj, trompas ĝin per belaj promesoj, per „surpapero-belaĵoj"?

Tial la „Internacia Oficejo de l' novlernejoj" povas servi la publikan opinion. Tiu oficejo, kreita en 1899, organizita en 1912, celas „starigon de sciencaj interhelpaj rilatoj inter la diversaj novlernejoj, centrigon de l' dokumentoj koncernantaj ilin, kaj profitigon de l' psikologiaj eksperimentoj faritaj en tiuj laborejoj de l' estonta pedagogio". Ĝia sidejo estas en Pléiades apud Blonay (Vaud, Svisio).

Ĝia agado, kiu kreskis jaron post jaro, atingis pli ol cent lernejojn en la tuta mondo. En 1913, antaŭ la milito, la korespondado superis du mil leterojn. La dokumentoj kunigitaj arege — miloj da slipoj — inter kiuj kvanto da unikaj manskribaĵoj, estis malfeliĉe neniigitaj per brulado la 1. aprilo 1918. De tiam, la direktoro penas kunigi la troveblajn dokumentojn.

La publikaĵoj de l' Internacia Oficejo de l' novlernejoj, ne tiom gravaj kiom oni povus deziri, pensante pri la ĝeneralaj progresoj de l' edukado, — ĉar oni laboris tute sen monrimedoj, kaj mankis la necesaj sumoj — estas frukto de seriozaj studoj. La donitajn principojn naskis observado kaj praktiko; la proponitaj celoj kaj rimedoj estas konformaj al tiuj principoj. Tio signifas, ke oni ĉiam celis utili al la edukistoj, havigi al la publikaj lernejoj la agadrimedojn, malmultajn laŭ kvanto, sed senlimajn laŭ kvalito, de l' novlernejoj. Kvankam tiuj ĉi laboras en specialaj kondiĉoj, ilia sperto estos fruktodona, ĉar la scienco pri infano estas ĉie kaj ĉiam sama, kaj la faktoj montras, ke la vera scienco nur daŭrigas, pliriĉigante ĝin, la sanan intuicion montratan de l' popola animo. Tial, la lernejo tia, kia ĝi hodiaŭ ekzistas, devas malaperi; ĝin naskis duonscienco kaj duonracio. Ĝi servutigas anstataŭ liberigi. Ĝi konservas de la mezepoko la regemon, anstataŭ esti ilo de l' spiritriĉiĝo. Ĝi inklinas

detrui la elmeman vivan ardecon, anstataŭ ampleksigi ĝian potencon. Ĝi ne pretigas por la vivo.

* * *

Per kio do la novlernejo, revoluciema laŭ la homoj, kvankam tradicia laŭ la spirito, celas anstataŭi la lernejon nunan? En la antaŭparolo de verko aperinta en 1915, ni klopodis doni pri tipa novlernejo difinon eltiritan el faktoj. Multaj kaj longaj restadoj en la ĉefaj novlernejoj de diversaj landoj ebligis al ni trovi tion, kio apartigas ilin de la lernejoj laŭ la ordinara tipo, kaj tio ne plu nur per la principoj — kiuj restas nevideblaj kaj nepalpeblaj, sed per konkretaj realaĵoj.

Novlernejo estas antaŭ ĉio familia internulejo lokita sur kamparo, kie la propra sperto de l' infano estas bazo tiel por la intelekta edukado — aparte per helpo de l' manlaboroj — kiel por la morala edukado per uzo de l' sistemo de parta memregado de l' lernantoj.

Jen estas la „minimuma programo". Pri la maksimuma programo, mi ĝin donas ĉi sekve, tuj atentigante, ke se lernejo ne realigas almenaŭ la duonon el la postuloj de tipa novlernejo, ĝi ne povas esti prikonsiderata de l' Internacia Oficejo de l' novlernejoj.

I

1. Novlernejo estas *eksperimentejo por praktika pedagogio.* Ĝi penas ludi la rolon de esploranto aŭ de pioniro por la ŝtataj lernejoj, ĉiam konformiĝante al la moderna psikologio per la rimedoj, kiujn ĝi uzas, kaj al la nunaj bezonoj de l' materia kaj spirita vivo per la celoj, kiuj direktas ĝian agadon. La plimulto el la novlernejoj publikigas revuojn, bultenojn aŭ jarlibrojn, kie estas notataj la rezultoj de ilia agado kaj la frukto de iliaj eksperimentoj.

2. Novlernejo estas *internulejo,* ĉar sole la plena influo de l' medio, meze de kiu la infano moviĝas kaj grandiĝas, ebligas realigi edukadon plene efikan. Tio neniel signifas, ke ĝi rigardas la sistemon de internuleco kiel idealon ĉie aplikotan; tute ne. La natura influo de l' familio, kiam ĝi estas sana, estas ĉial preferinda al tiu de l' plej bona internulejo.

3. Novlernejo estas lokata sur *kamparo,* ĉar tiu ĉi estas la natura loko de l' infano. Pro la influo de l' naturo, pro la facileco praktiki tie la liberan vivon de l' praŭloj, pro la kamplaboro, kiun ĝi ebligas, ĝi estas la plej bona helpilo de l' korpa ekzercado kaj de l' morala edukado. Sed por la intelekta kaj arta kulturo — muzeoj, koncertoj, teatraĵoj, prelegoj, k. t. p. — la proksimeco de urbo estas dezirinda.

4. Novlernejo arigas siajn lernantojn en *disaj domoj,* kie ĉiu grupo de dek aŭ dekkvin lernantoj vivas sub la direkto materia kaj morala de edukisto helpata de sia edzino aŭ de kunlaborantino. La knaboj ne estu senigataj je virina influo nek de la familia hejmo, kiun la kazern-internulejoj ne povas havigi. La lernantoj ĝenerale elektas mem, post kelkmonata restado, sian familiestron laŭ siaj koraj inklinoj. Aliparte plenaĝulo povas eniri la intimecon de infano, kaj havi sur li daŭran moralan influon, nur se li ne bezonas atenti tro da infanoj samtempe.

5. La *kunedukado* de ambaŭ seksoj uzata en internulejoj kaj ĝis la fino de l' studado kondukis, en ĉiu okazo kiam ĝi povis efektiviĝi en favoraj materiaj kaj spiritaj kondiĉoj, al rezultoj moralaj kaj intelektaj nekompareblaj, tiel por la knaboj kiel por la knabinoj. La nenormaĵoj de psikoseksaj specoj, tiel malutilaj por la morala evoluo de l' junuloj, estas kvazaŭ forigataj de l' bonaj kunedukaj lernejoj.

6. Novlernejo organizas *manlaborojn* por ĉiuj lernantoj dum almenaŭ unu horo kaj duono ĉiutage, ĝenerale de la 2ª ĝis la 4ª h., laboroj devigaj kun eduka direkto kaj celantaj personan aŭ kolektivan utilecon plivole ol profesian.

7. Inter la manlaboroj, *lignaĵarto* okupas la unuan lokon, ĉar ĝi donas lertecon kaj firmecon de l' mano, senton pri precizeco, sincerecon kaj memregecon. La *terkulturo* kaj la *bredado* de bestetoj apartenas al la fako de l' praaj agadoj ŝatataj de ĉiu infano, kiu nepre devus havi okazon ekzerci ilin. La senpera kono de l' vivanta naturo estas antaŭlernado por la kono de l' homa naturo korpa kiel ankaŭ spirita.

8. Flanke de l' regulaj laboroj, tempo estas destinita por *liberaj laboroj,* kiuj pliigas la inklinojn de l' infano, vekas lian elpensemon kaj eltrovemon. Li estas devigata elekti, sed libera en la elekto mem sub la kontrolo de l' edukanto.

9. La korpa kulturo estas certigata per *natura gimnastiko,* farata plenaere, tute nude, aŭ almenaŭ kun nuda torso, kiel ankaŭ per ludoj kaj sportoj. Ĉiuj kuracistoj kaj higienistoj kune laŭdas la profitojn de l' nudeco, ne nur je korpa vidpunkto — aer- kaj sunbanoj — sed ankaŭ je morala vidpunkto, por la forigo de l' maldeca scivolemo.

10. La *vojaĝoj,* piede aŭ biciklete, kun *kampado* sub tendo kaj manĝoj pretigataj de la infanoj mem, ludas gravan rolon en novlernejo. La vojaĝoj, okazoj por korphardigo, solidareco kaj interhelpo, estas antaŭe preparitaj kaj utilas kiel studhelpiloj.

II

11. Pri la intelekta edukado, la novlernejo klopodas klerigi la spiriton per *ĝenerala kulturo* de l' juĝkapablo, pli ol per amasado de memorigitaj konoj. La sagacecon naskas la uzo de scienca metodo: observado, hipotezo, kontrolado, leĝo. Aro da devigaj fakaj instruoj realigas la integralan edukadon, kiu ne estas enciklopedia scio, sed la ebleco kreskigi, per influo de l' medio kaj de l' libroj, ĉiun kunnaskitan intelektan kapablon de l' infano.

12. La ĝenerala kulturo estas flankita de *specialiĝo,* unue memvola: ekzerco de l' ĉefaj inklinoj de ĉiu infano, poste sistema kaj pliiganta la sciemon kaj kapablojn de l' junulo en profesia direkto.

13. La instruado estas bazita sur *faktoj* kaj *eksperimentoj.* La akiro de l' konoj rezultas de persona observo (vizitoj al fabrikoj, muzeoj, sociaj institutoj, manlaboroj, k. t. p.) aŭ, pro ties manko, de aliulaj observoj kolektitaj en libroj. Ĉiuokaze teorio sekvas praktikadon; ĝi neniam antaŭiras ĝin.

14. La instruado estas do ankaŭ bazita sur *propra agado* de l' infano. Tio postulas la kunigon, kiel eble plej intiman kun la intelekta studo, de l' desegnarto kaj de l' plej diversaj manlaboroj.

15. La instruado estas aliflanke bazita sur la *elmemaj interesoj* de la infano: 4 ĝis 6 jaroj, aĝo de l' disaj interesoj aŭ ludaĝo — 7 ĝis 9 jaroj, aĝo de l' interesoj ligitaj al senperaj konkretaj objektoj — 10 ĝis 12 jaroj, aĝo de l' specialaj konkretaj interesoj aŭ aĝo de l' monografioj — 13 ĝis 15 jaroj, aĝo de l' abstraktaj empiriaj interesoj — 16 ĝis 18 jaroj, aĝo de l' malsimplaj abstraktaj interesoj: psikologiaj, sociaj, filozofiaj. La nuntempaĵoj, lernejaj aŭ eksteraj, liveras okazon por la pliaĝaj kiel por la junaj, de oftaj lecionoj kaj diskutoj, kiuj en novlernejo havas specialan gravecon.

16. La *individua laboro* de l' lernanto konsistas el serĉado (en faktoj, libroj, jurnaloj, k. t. p.) kaj el klasado (laŭ logika sistemo taŭga por lia aĝo) de ĉiuspecaj dokumentoj, kiel ankaŭ el propraj laboroj kaj preparoj de paroladoj, farotaj en la lernejo.

17. La *opa laboro* konsistas el interŝanĝo kaj ordigo, aŭ logika komuna ellaboro, de apartaj dokumentoj. La re-

zultoj estas notitaj en dika kajero, aŭ sliparo, riĉe ilustrata, objekto pri kiu fieras la lernanto, kaj kiu anstataŭas por li ĉiujn lernolibrojn.

18. En la novlernejo, la *lerneja instruado* okazas *nur dum la mateno* — ĝenerale de la 8ª h. ĝis tagmezo. — Vespere dum unu aŭ du horoj, laŭ la aĝo, de la 4½ª ĝis la 6ª proksimume, okazas la persona „studtempo". La infanoj ne ankoraŭ dekjaraj ne havas taskojn por fari solaj. La sistema kutimiĝo je sendependa laboro estas unu el la ĉefaj atingindaj celoj.

19. Oni studas *malmulte da fakoj potage*, nur unu aŭ du. La variecon naskas ne la traktaĵoj, sed la manieroj trakti la temojn, ĉar diversaj agmanieroj estas laŭvice uzataj.

20. Oni studas *malmulte da fakoj pomonate*, aŭ potrimonate. Kurssistemo, simila al tiu, kiu regas la laboron en universitato, ebligas, ke ĉiu lernanto havas sian propran horaron.

III

21. La morala edukado, kiel la intelekta, devas efiki ne el ekstere internen, per trudata aŭtoritato, sed el interne eksteren, per sperto kaj gradigita praktiko de l' juĝo kaj de l' libereco. Apogante sin sur tiu principo, kelkaj novlernejoj enkondukis la sistemon de l' *lerneja respubliko*. La ĝenerala kunsido, konsistanta el la direktoro, la profesoroj, la lernantoj, kaj iafoje el la oficistaro, formas la efektivan direktantaron de l' lernejo. La leĝaro estas de ĝi farita. La leĝoj estas rimedoj taŭgaj por reguligi la laboron de l' komunumo laŭ la celoj por ĝi fiksitaj. Tiu sistemo, ege edukiga, kiam realigebla, postulas moralan ĉefan influon de l' direktoro sur la kutimaj kondukantoj de l' malgranda respubliko.

22. Se mankas tiu integrala demokrata sistemo, la pli multaj novlernejoj estas formataj kiel konstituciaj monarkioj. La lernantoj faras la *baloton de l' ĉefoj*, aŭ prefektoj, havantaj difinitan socian respondecon. En siaj ĉiutagaj agoj, la infanoj preferas esti estrataj de tiuj ĉefoj, pli ol de plenkreskuloj. Por la ĉefoj mem, tiuj respondecoj akceptitaj estas altvalora civitana instruo.

23. Ĉiuspecaj *sociaj taskoj* ebligas realigi efektivan interhelpon. Tiuj taskoj por la servo de l' komunumo estas komisiitaj vice al ĉiuj regnanetoj.

24. La *rekompencoj*, aŭ pozitivaj sankcioj, konsistas el okazoj donataj al la kreemaj spiritoj pligrandigi ilian kreeman povon. Ili rilatas al libervolaj laboroj kaj tiel pliigas la iniciatemon. Periodaj ekspozicioj de liberaj laboraĵoj okazas regule, kiel ankaŭ konkursoj manlaboraj, sciencaj kaj literaturaj.

25. La *punoj*, aŭ negativaj sankcioj, rilatas rekte kun la farita peko. Tio signifas, ke ili celas havigi al la infano, per konformaj rimedoj, la eblecon estonte pli bone atingi la celon, juĝatan bona, kiun li malbone trafis aŭ ne trafis. Oni distingas la punojn laŭleĝajn, uzatajn por malgravaj mankoj, kaj kiujn ordonas la lernantoj mem, de la moralaj konversacioj, uzataj por pli gravaj pekoj, kiujn la plenaĝulo traktas kiel psiko-patologiajn kazojn, per senpera ago, en soleco kun la kulpulo.

26. La *konkuremo* okazas precipe per komparo, farita de la infano, inter lia nuna laboro kaj lia propra antaŭa laboro, kaj ne nur per komparo inter lia laboro kun tiu de liaj kunuloj.

27. La novlernejo devas esti *„belecejo"*, kiel skribis Ellen Key. La ordo estas ĝia unua kondiĉo, la deirpunkto. La industria arto, praktikata kaj ĉirkaŭanta, kondukas al pura arto, taŭga por elveki ĉe la artemuloj la plej noblajn sentojn.

28. La *opa muziko*, kanta aŭ orkestra, havas plej profundan kaj plej purigan influon por tiuj, kiuj ĝin amas kaj praktikas. La emocioj per ĝi kreitaj kunhelpas firmigi la ligojn de solidareco kaj devus manki al neniu infano.

29. La *eduko de l' morala konscio* konsistas ĉefe, por la infanoj, el rakontoj naskantaj ĉe ili elmemajn reagojn, verajn valorjuĝojn, kiuj ripetiĝante kaj intensiĝante fine ligas ilin kontraŭ ili mem kaj kontraŭ la aliaj. Tia estas la celo de la „vespera legado" ĉe la plimulto el la novlernejoj.

30. La *eduko de l' praktika saĝo* konsistas ĉefe, ĉe la junuloj, el pripensoj kaj studoj temantaj pri la naturaj leĝoj de l' spirita progreso individua kaj socia. La plimulto el la novlernejoj konservas sintenadon eksterekleziam aŭ intereklezian akompanatan de toleremo por la diversaj idealoj, se nur ili enhavas inklinon al la spirita pliriĉiĝo de l' homo.

* * *

Tiuj tridek karakterizaj trajtoj, eltirataj el la eksperimento mem de l' novlernejoj ebligas kvazaŭ mezuri ilin. Mallonga ĉeesto ebligos al familiestro diagnozi, ĉu la lernejo, al kiu li intencas transdoni sian idon, estas aŭ ne novlernejo. Sendube tiu metodo estas nepre iom arbitra; ĉiu apliko de teorio al praktiko enhavas tiun econ. Sed des malpli arbitra estas la starigo de tiu valortaksado, ju pli bone. Tion ni celis.

Ĉu tio ne estas cetere, en alia fako, la metodo uzata por taksi la kapablecon de l' aŭtomobiloj, kiuj partoprenas konkurson pri rapideco aŭ hardeco? Se oni uzas ĝin por mekaniko, kial ne uzi ĝin, kun la necesaj aliigoj, por psikologio kaj por edukado? Oni povos malpliigi la severecon de l' metodo, akceptante ekzemple, ke lernejo realigas duone aŭ kvarone tiun aŭ alian postulon.

Ne estas necese diri, ke la valoro de lernejo dependas ĉefe de la valoro morala kaj psikologia de ĝia direktanto. Lernejo estas ilo; lerta laboranto kapablas fari ĉefverkon per ilaĉo; mallertulo, uzante perfektan maŝinon, povas ellabori verkon tute malbonan. Mi konas direktantojn de novlernejoj, kiuj estas pedagogaĉoj, kiel ankaŭ mi konas homojn, eĉ en la ŝtataj lernejoj regataj de plej mallarĝa leĝo, kiuj estas geniaj novemuloj kaj unuarangaj edukistoj.

* * *

De la akcepto de tiu taksado sekvas, ke multaj lernejoj nomataj novlernejoj ne meritas tiun titolon. Aliflanke aliaj lernejoj naskiĝis, sendube aliaj naskiĝos, kiuj rajte nomas sin, nomos sin, tiel. Mi insiste petas iliajn direktantojn, ke ili informu min pri siaj laboroj, siaj klopodoj, siaj reformoj. Ĉio koncernanta la edukon de l' memvola laboro, la instruon per manlaboro, la kunedukadon de l' seksoj, la memregadon de l' lernantoj, la plenaeran lernejon kaj la sunkuracadon, k.t.p., estas pleje interesa por la „Internacia Oficejo de l' novlernejoj", kiu, iom post iom, publikigos studojn pri tiuj diversaj temoj, kaj en ili represos, plene aŭ parte, la raportojn al ĝi liverotajn. Tial la laboro, pli urĝa ol iam, de l' lerneja reformo konstruiĝos malrapide, sed certe, sur la bazo de faritaj eksperimentoj kaj por la plej granda spirita bono de l' infano.

*Ad. Ferrière.*

Trad.: *G. S.*

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la neatendite multnombra alveno de novaj abonantoj, la provizo de la unuaj numeroj de 1920 elĉerpiĝis. Personoj, kiuj nun abonas aŭ aliĝas kiel Membro-abonantoj aŭ Subtenantoj, ricevas la gazeton de aprilo. Por la numeroj ne plu haveblaj ili rajtas depreni (en Svisa mono):*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Abono* . . . . | 25 %: | *sumo pagota Fr.* | 7.50 |
| *Membro-abonanto* | 15 %: | „ „ „ | 10.60 |
| *Subtenanto* . . . | 7,5 %: | „ „ „ | 23.10 |

 SOCIA VIVO 

# Persio

I

La Azia imperio Persio okupas nuntempe la du trionojn de la Irana montplatajo, kun surfaco da ĉirkaŭ 1645 km² kaj 5 milionoj da loĝantoj. Ĝi estas unu el la ĉeneroj de la giganta ĉeno de altaj platajoj, kiu formas la skeleton de la praazia kontinento. Ĝi altiĝas kiel kolosa kastelo inter la sabloriĉaj ebenajoj de Turkestano kaj la fluida ebenajo Kaspia, norde, kaj sude kaj okcidente la Persa golfo kaj la malaltiĝo de Tigro kaj Eŭfrato. Okcidente ĝi ligiĝas kun la grandegaj Tibetaj kaj Himalajaj masivoj. De tiu ĉi flanko la riveroj malsuprenirantaj de l' Irana platajo atingas Induson; ili malfermas al la Hinda duoninsulo la solajn tervojojn utiligeblajn. Nordokcidente, ĝi ligiĝas kun la Anatolaj kaj Kaŭkazaj regionoj. De ĉiuj flankoj la Irana platajo estas subtenata de altaj montoĉenoj, kiuj superpasas la Alpajn pintojn kaj apartigas de la cetera mondo la grandan centran kavajon, la Persan dezerton, dufoje pli granda ol Francio. La norda montoĉeno, Elburz, bordumas la Kaspian maron, kaj la suda, Zagros, la Persan golfon ĝis la enfluejo de Induso. La plej alta pinto estas monto Dinar (5000 m), sude de Ispahan. Tra tiuj montoj, maloftaj estas la interkrutejoj kaj apenaŭ alireblaj. Ilia historia graveco estis ĉiam tre granda: tie pasis multaj konkerantoj. En la centro de l' platajo oni renkontas estingiĝintajn vulkanojn Sahend (3440 m) kaj Savalan (4813 m). Ĉefaj riveroj estas Atrek, Kizil-Uzen, Araks kaj Karun, grandparte navigebla alfluanto de Ŝat-el-Arab. Multaj el la riveroj, direktiĝantaj al la centro, perdiĝas en la sabloj. Rimarkindaj estas la Urmia kaj Nirisa lagoj.

La klimato estas mirige sekeca. La centra dezerto mem estas konsiderata kiel la plej seka punkto de la tero, pro la malofteco de la pluvoj. En tiu monta alta dezerteco, kie la vintro estas tre malvarma (ĝis 25°) kaj la somero tro varma (70°), kie preskaŭ neniam pluvas, la kreskajaro estas nature sufiĉe malriĉa. Troviĝas ankaŭ kelkaj malsekaj, nesanaj provincoj kaj kelkaj fruktodonaj valoj kaj oazoj — ofte arte akvumataj — liverantaj tre variajn produktajojn. La vinbero, kiu estas abunda kaj donas faman vinon, fruktoj, sukerbeto, tabako, opio, indigo, rizo, sed precipe rozo kaj kotonarbo estas kulturataj en kelkaj distriktoj, kaj la tritiko kaj hordeo ĉie. La bestaro estas kiel en la montlandoj. Multnombraj estas la najtingaloj. En certaj lokoj renkontiĝas tigroj, leonoj, k. s. Fama estas la bredado de unu- kaj duĝibaj kameloj kaj ĉefe de muloj kaj ĉevaloj, el kiuj tri rasoj estas multekonataj: la Araba, Turkmana kaj Persa. En la Persaj fjordoj oni okupas sin pri perlkaptado. Persio havas konsiderindajn naturajn riĉajojn, precipe en petroloj, diversaj mineraloj, metaloj kaj multekostaj ŝtonoj. La mineralaj riĉajoj estas malmulte ekspluatataj, kvankam fero, plumbo, kupro, turkiso, granito, nafto, ŝtonsalo, karbo abundas. La industrio estas ne tre disvolvita. En la centro kaj sudo, en Ispahan, Ŝiras kaj Yezd, oni fabrikas silkajn ŝtofojn, feltojn, ŝalojn, kotonajojn kaj mankoloritajn katunojn. La tapiŝoj estas famaj. El kamelfelo estas fabrikata speco de flanelo, tre disvastigita en Oriento. La marokenaro de ŝaf- kaj onagroledo ankaŭ floras. Ekzistas ankaŭ porcelan-, led- kaj armilfabrikado. Oni provas instali Eŭropajn fabrikojn.

Por iri surtere de Eŭropo aŭ antaŭa Azio al Hindio, oni devas nepre pasi tra la Persa platajo: tio ĉi estas la granda vojo de migradoj, de konkerantoj. De tie ĝia historia kaj politika graveco. De tie la alta prezo, kiun Angloj, Rusoj kaj Germanoj ligas al la posedo de la kontrolo de tiuj vojoj. La ĉefaj karavanvojoj estas tiuj de Erzerum al Teheran kaj al Persa golfo tra Kaŝan kaj Yezd, kaj tiu de Teheran al Hamadan kaj Bagdad; tamen ili estas ofte baratajde neĝoj.

Ĝis antaŭ dudeko da jaroj, flanke de la Eŭropa telegrafo, la vivkondiĉoj estis mezepokaj. Estis neniaj fervojoj, krom unu loka funkcianta en la ĉirkaŭajoj de Teheran, nek bankoj, nek papermono, nek luveturiloj, nek hoteloj, escepte en la ĉefurbo, kaj nature nenia telefono. Estis ankaŭ neniaj ŝoseoj; la kelkaj poŝtveturaj komunikoj, kiujn oni provis starigi, devis, malgraŭ internacia ĝendarmaro, pro rabista malcerteco, esti denove forlasitaj. La vojaĝoj okazis piede aŭ ĉevale, kaj, se oni volus sin transporti iom pli rapide, oni devus servi al si per la poŝtĉevaloj de la registaro, por kio estis havigata permesilo kontraŭ unu *krano* (ĉ. 0. 80 fr.) po ĉevalo kaj po *parasanĝo* (ĉ. 7 km). Poŝtservo, liganta la ĉefurbon kun la pli gravaj provincurboj, funkciis sufiĉe regule 1—2 foje semajne kaj permesis iri dum ĉirkaŭ kvin tagoj de Teheran al Ŝiras, je distanco de milo da kilometroj. La vojaĝantoj trovis senpagan kuŝejon en la karavanserajloj, kaj ĉe ĉiu ĉevalŝanĝo ili povis ankaŭ malsupreniri kontraŭ malgranda pagdonaco en la poŝtdomon, sed ili devis ĝenerale kunporti sian nutrajon. Deposte, la grandaj vojoj estis ekstreme certaj kaj la homoj, kun maloftaj esceptoj, montriĝis tre ĝentilaj, afablaj kaj komplezemaj, sed ofte tre scivolemaj.

* * *

Laŭ la kunveno de 1906 Persio estas konstitucia, sendependa monarĥio, regata de ŝaho kun absoluta povo. La trono estas hereda laŭ la familio de Kadjaroj. La reganta dinastio estas de Turka deveno kaj apenaŭ tolerata de l' Persaj Ŝiitoj. Konsilantaro de sep ministroj (veziroj), elektataj de la ŝaho, direktas la aferojn. La lando estas dividita en dudek gubernioj, administrataj de guberniestroj, plejparte membroj de la reĝa familio. Pli gravaj urboj estas: Teheran (ĉefurbo), Tabriz, Reŝt, Sari, Asterabad, Senna, Burudjird, Ŝuster, Ŝiras, Zendjan, Kasvin, Hamadan, Kum, Kaŝan, Ispahan, Yezd, Kirman, Bampur kaj Meŝhed.

Persio estas nek ŝtato, nek nacio; ĝi estas agregato de nomadaj triboj kaj loksidaj loĝantaroj disvastigitaj sur grandegaj spacoj, dividitaj unuj de aliaj per dezertoj aŭ altaj montoj. Estas do necesa en Persio tre forta centra potenco, kiu servu kiel ligilo inter tiuj diversaj elementoj, kiu altrudu al ili la pacon, la ordon, kaj tia estis la tasko de l' grandaj dinastioj, kiuj regis diversepoke.

La plej malnovaj loĝantoj de la Persa platajo estas la Irananoj, kiuj apartenas al la granda civiliziga Hindo-eŭropa raso. Instalitaj sur siaj altaj platajoj kvazaŭ en giganta fortikajo, la Irananoj, popolo loksida, agrikultura, konstruanto de belegaj urboj kaj palacoj, vidis ĉe iliaj piedoj norde en la stepoj, kiujn trafluas la Amur-Daria kaj Sir-Daria, vagi kun siaj brutaroj la Turanajn aŭ Turko-mongolajn popolojn. Tiuj ĉi estas Nomadoj; ili vivas, sub feltendoj, el la produkto de siaj brutaroj; ili estas krudaj militistoj sciantaj surprizataki, tutrabi, mortigi kaj sin retiri ĝustatempe. Irano kontraŭ Turano, jen estas la eterna historio de tiuj regionoj.

La nuna loĝantaro estas tre miksita, sed oni ankoraŭ retrovas la Iranan tipon, reprezentata de la Parsoj, Luroj, Geboj kaj Tadjikoj. La ĉefaj dividoj estas du: Tadjikoj (Persoj) kaj Nomadoj. La unuaj, miksitaj kun fremda sango, posteuloj de la malnovaj Persoj, Medoj kaj Baktroj, nombras 5,750,000, estas talentaj kaj laboremaj kaj sin okupas pr

agrikulturo kaj metioj; ili estas Ŝiitoj. Al ili apartenas ankoraŭ la Parsoj aŭ Geboj, Luroj kaj Kurdoj. La Nomadoj nombras 2,000,000, estas plej multe de Turka deveno kaj Sunitoj; al ili apartenas la Turkmanoj. Krom ili en Persio loĝas ankaŭ Araboj (260,000), Hebreoj, Armenoj, Nestorianoj (23,000), Turkoj, Ciganoj, Eŭropanoj, k. a. La Persoj estas grandparte ŝiitaj Muslimoj; troviĝas tamen 400,000 Kristanoj, 10,000 Izraelidoj kaj 7—8000 Geboj.

La virino, kvankam ŝi estas persista kaj lojala subtenantino de la konstitucio, kuraĝa kaj sindona, estas enfermata en haremo, ne havas rajtojn kaj okupas tre suban situacion. Ĉiu povas edziĝi virinon, ŝin aĉeti aŭ prunti; la eksedziĝo estas tre ofta. Estas malofte, se dudekkvar-jara virino ne havas du-tri edzojn. Ekzistas eĉ edziĝoj farataj por 25 tagoj kaj konsekrataj de l' *molaĥo* aŭ pastro. Ĉiuj riĉaj Persoj havas haremojn, gardataj de eŭnukoj, ĉe kies sola akompano povas eliri la virinoj, kaj tio ĉi nur en la korto.

* * *

Inter la popoloj, kies historio povas esti nete priskribita ĝis pli ol 2400 jaroj malantaŭen kaj kiuj posedas ankoraŭ en siaj arĥivoj la nuntempan rilaton pri certaj el la plej malproksimaj okazintajoj de tiu longa periodo, malmultaj trapasis kaj superpasis tiom da ŝanĝiĝoj kiel la Persoj.

Dum sia historio Persio etendiĝis ĝis Haldeo kaj Sirio, oriente ĝis Induso, ampleksante tiamaniere la nunan Afganistanon kaj Beluĝistanon. La nomo Persio troviĝas unuafoje en la enskriboj de Salmansar I, Asiria reĝo, en 835 a. Kr., kie estas parolate pri *Persua'oj;* la Grekoj transdonis tiun ĉi nomon sub la formo *πέρσαι*, kaj la Araboj faris el ĝi *Fars, Persio* ĝenerale.

La Persoj, popolo de Aria raso, aperas en la historio nur en la VIª jc. a. Kr., fanditaj kiel antaŭe en la Asiria nacio, sed ilia enloĝiĝo sur la Irana platajo ŝajnas reiri al tre malproksima antikveco. La diversaj invadoj, okazintaj iam sur la Irana platajo, lasis tie popolojn, kiuj ne sukcesis fandiĝi en la plimultnombran rason: Turkmanoj, Kurdoj, Araboj, Hindusoj. Nur la sanktaj libroj priskribas la erarvagan marŝon de la Arioj, de la Panira platajo al Hamuna lago, kie ili dividiĝis en du grupoj: Persoj kaj Medoj. La pluraj triboj, el kiuj konsistis la malnovaj loĝantoj de Persio, estis submetitaj en 650 a. Kr. de la Medoj. En 559—529 a. Kr. la unua reĝo de la dinastio de Aĥemenidoj, Kirus, faligis la potencon de la Medoj, subjugis Malgrand-Azion kaj fondis la Persan imperion. Lia filo Kambises (529—522) almilitis Egiption, unuiginte sub sia sceptro preskaŭ la tutan malnovan orientan mondon. Sub Darius Iª (521—485), kiu konkeris Trakion, Makedonion, kaj gvidis kontraŭ la Grekoj longan serion da bataloj konataj sub la nomo *Mediaj militoj*, la Persa imperio atingis sian apogeon, ricevis kompletan administran organizajon kaj vidis siajn limojn tre malproksimen. La vastega kaj glora imperio, heredinto de Asirio, Babelonio, Haldeo, Medio, falis en 331 ĉe Darius IIIª, sub la venkpuŝo de la armeoj de Aleksandro la Granda. Post lia morto (323), Persio estis regata de la Seleŭcidoj (323—240), kiujn sekvis la Parthaj Arsacidoj (ĝis 226 p. Kr.). Post tio sekvis la Roma jugo. Kvin jarcentoj kaj duono pasis antaŭ ol ĝi retrovis, dank' al la Sassanidoj, sian malnovan amplekson kaj eĉ belbriligecon. La regado de Hosroes Iª estis unu el la plej gloraj de tiu periodo. Kvar jarcentojn kaj duonon pli malfrue, en la mezo de la VIIª jc. p. Kr., ĉe Jezdegerd IIIª, en 642, ĝi falis denove sub fremdan potencon, tiun de la Araboj, kiuj unua- kaj eble lastfoje dum sia historio, dank' al la unuiganta forto de granda religifondinto, la profeto Mohamedo, grupiĝis en sola popolo, animita de granda ideo. Dum unu jarcento, la Persoj estis submetita raso kaj ilia lando provinco de la Kalifoj.

Nur en la mezo de la VIIIª jc. Persio, daŭre subpremata de la Kalifoj de Damas kaj Medine, komencis rekonsciiĝi. Ĉe la surtroniĝo, en 750, de la Abasida dinastio, denove la Persa influo eksentiĝis en la politika kaj religia kampo. Poste, al la mezo de la IXª jc., sub diversaj dinastioj, el kiuj kelkaj estis de Persa aŭ Araba, sed plejmulte de Turka deveno, ili komencis reakiri sendependan politikan ekzistadon, precipe sub la sendependa dinastio de la Samanidoj, kies apartenajo kontribuis pli malfrue, en la Xª jc., al la starigo de la Ghaznevida imperio.

La Araba estreco, kiu daŭris ĝis 1220, fariĝis pure laŭnoma pro la malkonkordoj okazintaj en la Islamismo. Guberniestroj sendependiĝis, Persaj kaj Turkaj princoj fondis apartajn ŝtatojn, tiamaniere ke, konkure kun la kalifoj, estis lokaj dinastioj de la Taheridoj, Safaridoj, Buidoj kaj fine de la Ghaznevidoj, kiuj sukcesis, kiel pli supre dirite, momenton regi sur la tuta Persio. Ili estis senposedigitaj de la Seldĵukidoj, kaj tiuj ĉi renversitaj en 1194 de la Ĥorasmianoj. Meze de la XIIIª jc. subite okazis la Mongola invado, terura malfeliĉego, kiu kaŭzis neripareblan malbonon al Centra Azio, al Okcidenta Azio kaj al sudorienta Eŭropo. En 1258, la Abasida dinastio de Bagdad finiĝas, kaj la regado de la Mongoloj etendiĝas super tuta Persio, meze de senĉesaj palacaj revolucioj. Meze de la XIVª jc. la dekadenco de la Mongolaj sultanoj estas kompleta. Persio estas submetita de malgrandaj dinastioj al vera feodala reĝimo, kiun komplikigas la ruiniga konkero de Tamerlan — kies triumfa antaŭmarŝo estis markata de piramidoj de homkranioj — kaj la malpaciĝoj de liaj nepoj. En 1407 Turkmanoj fondis la dinastion de la Nigra-Ŝafo, renversita de aliaj Turkmanoj, kiuj fondis la dinastion de la Blanka-Ŝafo (1468—1497), sub kiu okazis la religiaj militoj inter Persoj kaj Turkoj, daŭrigintaj sub la Sofioj (1499—1732). Post centjaro oni retrovas Persion denove unuigita kaj forta sub vere nacia dinastio, tiu de la Safavioj, kiu atingis la plej altan gradon de sia supereco sub ŝaho Abbas la Granda (1586—1628), samtempulo de la reĝino Elizabeto, de l' imperiestro Akbar kaj de l' Otomana sultano Soliman la Noblega, kaj kiu prezentis al la Turka ambicio tian fatalan baron, ke Busbecq, la ambasadoro de Ferdinando ĉe la kortego de Soliman, deviĝis skribi: „Inter ni kaj la ruino estas nur la Persoj.“ En tiu epoko la interligo de Persio kaj ĝia amikeco estis aspirataj eĉ de la grandaj Eŭropaj potencoj: Anglio, Hispanio, Francio, Holando. Multaj eminentaj Eŭropanoj, kiuj vizitis la superbelan kortegon de ŝaho Abbas, en Ispahan, lasis rakontojn pri siaj vojaĝoj kaj aventuroj.

La glora epoko Safavi'a finiĝas en 1722 per invado kaj disrabado de Ispahan, kies terurajoj estas priskribitaj de multaj Eŭropaj atestantoj. Tiam estis ankaŭ la unua kontakto de Persio kaj Rusio, Petro la Granda venanta persone konkeri Dagestanon. Post kelkaj jaroj (1736—1747), Nadir-Ŝaho revivigis por mallonga periodo la militglorojn de Persio, batis kaj forpelis la Turkojn, kiuj estis invadintaj la okcidentajn provincojn kaj portis la Persajn armilojn trans Induso, ĝis Lahoro kaj Delhio. La mortigo de tiu fama reganto, post lia forlaso de la ŝiismo de l' Sofioj, malfermis novan eron de tumultoj kaj enlandaj luktoj, ĝis Aga-Mohamed (1794—1797) ilin haltigis kaj fondis la ankoraŭ nun regantan dinastion de la Kadjaroj. Tamen la ambicio de Rusio plievidentiĝas. Profitante la konkuradon de la filoj de Kerimĥan kaj la tragedian finon de Aga-Mohamed, ĝi militakiras de lia nevo Feth-Ali en 1797 Derbendon, en 1802 Georgion, en 1813 Kaŭkazion kaj en 1828 Armenion. Sub Muhamed (1834—1848) la ĵaluzo de Rusio kaj Anglio malbonmorigis la registaron, ĝis Persio tute dependiĝis de la Unua. De tiam la Rusa influo restis reganta en la Teherana kortego. Sub la regado de ŝaho Nasir-ed-Din (1848—1896), kies tri vojaĝoj en Eŭropo faris lin tiel populara en okcidento, ĝi per-

mesis al Persio grandiĝi per Beluĉistano, Kuhistano (1866) kaj etendiĝi norden ĝis Atrek. Dum la Berlina kongreso (1878) Persio ricevis Koturnon de Turkio. Fine Nasir-ed-Din kaj lia filo Muzafer-ed-Din klopodis enkonduki en sian ŝtaton iom da okcidenta industrio kaj civilizo. Sub la lasta Persio falis en financan dependecon de Rusio. En 1901 estis forigitaj la dogan- kaj ŝoseimpostoj interne de la lando kaj la poŝto ŝtatigita. En 1906 la ŝaho estis revolucie devigita kunvoki kunvenon de eminentuloj por interkonsiliĝi pri konstitucio, kiu estis akceptita en la fino de 1906. Post la morto de Muzafer-ed-Din, en 1907, ekregis lia filo Ali-Mirza, kiu en 1908 neniigis la konstitucion, post kio, la 16 julio 1909, per revolucia ribelo li estis abdikigita. Lin postsekvis lia neplenaĝa filo Ahmed Mirza, kiu nun okupas la tronon de Persio. Provo de l' detronita ŝaho, en la somero 1911, altiri al si la regadon, malsukcesis.

*(Daŭrigota.)* *Iv. H. Krestanov.*

# ☆ NOTOJ ☆

.˙. **Utiligo de la Niagara-faloj.** — De longe oni parolas pri la kompleta utiligo de la grandega potenco de l' Niagara-faloj. La kaptita forto nun sumas 600,000 HP., farataj laboroj permesos uzi 1,000,000 HP. Estas eble utiligi 2,500,000 HP.; ne difektante la belegan aspekton de la riverfaloj. La realigo de la projektita programo estas relative facila kaj permesos ŝpari ĉiujare 16 milionojn da tunoj de karbo. La fabrikejoj nun ekspluatataj liveras forton al tre multaj industriejoj instalitaj en la regiono.

.˙. **Kinematografo kaj industrio.** — Unu el la plej grandaj Usonaj fabrikejoj jus decidis uzi kinematografon por instrui al laboristoj la evitadon de akcidentoj en la uzado de certaj maŝinoj. Samtempe filmoj montras la plej bonajn labormetodojn. Labormastroj buŝe klarigas, dum la filmo malvolviĝas antaŭ la laboristaro. Speciala ĉambro estas instalita en la fabrikejo mem, kaj prezentado 45-minuta okazas ĉiutage. Oni adaptas la temon de ĉiu filmo je la fako de la laboristoj, antaŭ kiuj ĝi estas montrata. Tiun novan teknikan instrumetodon tre ŝatas la laboristoj kaj direktoroj. La industriistoj speciale ĝin uzas por la laborinstruado de la junuloj... jusdungitoj.

.˙. **Transoceana telefonio.** — Dank' al la uzado de kontinua ondo, oni povos grave pligrandigi la utiligon de la senfadena telefonio je longa distanco. La nova sistemo permesos transaŭdigi la voĉon multe pli foren kaj pli ekzakte. La ŝipoj provizotaj per la novaj aparatoj povas interparoli kun ajna stacio.

La unua telefona interparolo inter ŝipo kaj tero estis farita ĉe „*George Washington*"; Prezidanto Wilson, troviĝanta sur ĝi, povis interparoli kun stacio Arlington je 800 km.

Jam en la komenco de l' milito, Parizo kaj Nov-Jorko povis interkomuniki radiotelefone kaj, lastan someron, oni povis interparoli de Irlanda marbordo kun Nova Skotio.

Senfadena telefonio prezentos grandajn avantaĝojn super telefonio per submaraj kabloj; tiu ĉi estis uzebla nur ĝis 130 km kaj naskis vibrojn, kiuj malfaciligis la transaŭdadon de la voĉo. Ĉe senfadena telefonio malaperas tiu difekto. Se pro la distanco la ondoj fariĝas malpli intensaj, oni povas uzi ricevilojn, kiuj pligrandigas la sonojn kaj permesas ilin tre klare aŭdi.

.˙. **Internacia Oficejo por la protektado de la indiĝenoj.** — Sub tiu titolo fondiĝis en Ĝenevo oficejo, kiu alcentrigos ĉiujn dokumentojn pri tiu problemo, informos la diversajn naciajn ligojn kaj klopodos ĉe la kompetentaj organoj de la Ligo de Nacioj kun helpo de la publika opinio. Ĉe la fonda kunveno S-ro Harris, ĝenerala sekretario de la Brita Ligo por la protektado de la indiĝenoj, atentigis pri la granda tasko plenumota de la Ligo de Nacioj por triumfigi la principon de la homaj juroj rilate la traktadon de la indiĝenoj. Li montris, ke, ĉar Svisio havas tute nenian kolonian ambicion, neniu loko estas pli taŭga ol Ĝenevo, kiel sidloko de la necesa Oficejo, gvidota de tute neŭtrala komitato. Prezidanto estas S-ro René Claparède; sekretario S-ro Mercier-Giardon (chemin de Miremont 29, Genève). Nia kunlaboranto, D-ro Edmond Privat, estas membro de la elektita komitato.

.˙. **Ĉeĥoslovaka sokolaro.** — La VIIa kongreso de la famaj Ĉeĥoslovakaj gimnastikistoj aŭ sokoloj, okazonta en Praha dum junio, superos ĉiujn antaŭajn. Sur vasta ebenaĵo Letna, oni ĵus konstruas ekzercejon por pli ol 110,000 vizitantoj. La sceneja kvarangulo entenos 20,000 sokolojn, kiuj laŭ muziktakto vidigos la arton, kiun la deviga disciplino neniam povas elmontri. Jam aliĝis 1300 societoj kun 60,000 sokoloj kaj 30,000 sokolinoj.

La enmarŝo de tiom da homoj okazos tute senvorte de du kontraŭaj pordegoj. La larĝa frontmarŝo de sokoloj, kiel nigra ondo pli kaj pli kreskanta vekas en la vizitanto la impreson de proksimiĝanta uragano kun neretenebla forto. Subita ekmovo ŝanĝas la scenon en striojn, kolonojn, kaj per senĉesa disiĝado po unu, ĉiu venas sur sia destinita loko.

Por nur iomete doni ideon pri la amplekso de tiu ĉi entrepreno, oni notu jenon: La enloĝigo de almenaŭ 100,000 sokoloj okazos en lernejoj, tendoj, sokolejoj k. s., por ke la privataj kaj hotelaj loĝejoj estu uzeblaj de gastoj. La tendoj (145) por 7000 personoj estis havigitaj de fremdlando. La manĝon oni preparos per sokolaj kuiristoj, laŭ la militista maniero, tiel ke dum iuj estos okupataj sur la scenejo, aliaj hejme mastrumos.

Oni zorgos, ke la gastoj ne suferu pro manko de manĝaĵoj kaj pro eventuala akaparo, kaj ke la prezoj ne estu plialtigataj. Estis proponitaj 32,000 loĝejoj de privatuloj, interŝanĝe de enirbileto por unu tago. Por ke la foiro de rememoraĵoj pri tiu ĉi festo ne estu superŝutata de ĉarlatanaj kaj banalaj fabrikaĵoj, oni decidis allasi por vendo nur tiujn aprobitajn de speciala artista sekcio. La ferma sceno prezentos la konstruadon de 12-metra statuo „Slavie", kies konstruintoj prezentos la Slavajn popolojn en iliaj naciaj kostumoj.

La antaŭfestaj tagoj komenciĝos en majo, kaj konsistos el impona procesio de sokoloj tra urbo, el fabela ilumino de kvartalo Hradčany kun kastelo, el teatra prezentado en naturo kun famaj gekantistoj, Destinova, Caruso, k. a.

La vivkosto en Praha estas por fremduloj, sekve de la malalta valuto, tre malkara kiel nenie aliloke. Por la tuta tago oni kalkulas unu frankon.

Samideanoj estas petataj aŭ viziti nin aŭ publikigi en naciaj ĵurnaloj la enhavon de tiu ĉi artikolo; ĉiam ili helpos al nia movado. — *S. Podlipský.*

.˙. **Popolsumigado en Bavario.** — Laŭ la sumigado okazinta pasintjare Bavario kalkulas 7,051,314 loĝantoj, inter ili 3,358,644 virkaj 3,692,670 virinseksaj. Estas do 334,026 pli da virinoj. Popolkresko de 1910: 164,023 personoj t. e. 2.40 %. La plej grandaj lokoj estas: München 621,929 loĝ., Nürnberg 347,080 loĝ., Augsburg 154,149 loĝ.

.˙. **Statistiko de la Ĉeĥoslovaka respubliko.** — La teritorio de la Ĉeĥoslovaka respubliko havas amplekson de 142,573 km², ne kalkulante la teritorion, pri kies ŝtata aparteno decidos plebiscito.

La nombro de la loĝantaro estas 13,811,655 personoj, el kiuj 6,715,892 viroj kaj 7,095,763 virinoj.

Laŭ la nacieco la loĝartaro estas jene dividita: Ĉeĥoslovakoj 8,054,036, Germanoj 3,828,974, Magiaroj 1,071,578, Rutenoj 432,929, Poloj 277,792.

Laŭ la religio estas: Romkatolikoj 11,836,933, Evangelikoj 976,567, Grekkatolikoj 592,115, Izraelidoj 368,970, Ortodoksoj 3060.

(Laŭ la oficiala „Ĉeĥoslovaka statistika bulteno.") — *H. K. B.*

 LITERATURO 

# La mensogulo

Dana popolo rakonto

Iam vivis reĝo, kiu havis belegan filinon. Ŝi havis multajn amindumantojn, sed ŝi ŝatis neniun el ili, ĉar ŝajnis al ŝi, ke ili ĉiuj estas treege enuigaj.

La reĝo ofte diris al ŝi, ke ŝi devu edziniĝi, kaj fine ŝi iam diris al li:

„Mi edziniĝos kun tiu, kiu povas rakonti al vi la plej grandan mensogon."

Tiam la reĝo proklamis en la tuta regno, ke kiu povus igi lin diri: „Estas mensogo", tiu ricevus permeson edziĝi kun la reĝidino.

Preskaŭ ĉiutage iu alvenis al la palaco kaj rakontis al la reĝo pri la plej neverŝajnaj okazajoj, sed la reĝo ĉiam afektis opinii, ke iliaj rakontoj estas veraj.

Samtempe ankaŭ vivis malriĉulo kaj lia sola filo, juna, vigla homo, kiu estis nomita Per.

Per opiniis, ke estas facila afero gajni la reĝidinon, kaj tial li iam iris al la palaco. La reĝo ĵus troviĝis ekstere kaj ĝojis vidante siajn stalojn.

„Jen estas grandega stalo, kiun mia patro konstruis", diris la reĝo al Per, montrante al granda konstruaĵo.

„Certe ĝi ne estas malgranda, diris Per, sed se vi vidus tiun stalon, kiun mia patro kontruis! Kiam oni konstruis la tegmenton, najlo falis, kaj en la sama momento cikonio alflugis kaj konstruis sian neston sur la tegmento, kaj kiam la najlo fine falis sur la teron, tiam la cikonio havis flugopovajn idojn. Estis alta stalo, ĉu ne?"

„Jes, eble", diris la reĝo.

Poste ili eniris la ĝardenon, por vidi la abelojn.

„Estas grandegaj abeloj", diris la reĝo.

„Estas certe, ke ili estas grandaj, diris Per, sed ĉe ni ili estas tiom grandaj, ke ili devas uzi lignajn ŝuojn."

„Estas kredeble", respondis la reĝo."

Iom poste ili eniris la legomejon.

„Estas grandega brasiko," la reĝo rimarkis..

„Estas vere, diris Per, sed ni tamen havas pli grandan brasikon ĉe ni. Iam, kiam pluvis, regimento de soldatoj preterpasis, kaj la tuta regimento rifuĝis sub unu brasik-folion. Por havigi lumon unu el la soldatoj per sia tranĉilo trapikis la folion, sed tion li ne devus esti farinta, ĉar alfluis tiom da akvo, ke ĉiuj soldatoj dronis.

„Ŝajnas ĝuste kaj kredeble", respondis la reĝo.

Fine ili eniris la kuirejon, kie estis longaj vicoj de grandaj fromaĝoj.

„Estas grandaj fromaĝoj", diris la reĝo.

„Certe ĉi tiuj estas grandaj fromaĝoj, respondis Per, sed nun mi rakontos al vi pri fromaĝo, kiun ni iam faris. La lakton ni verŝis en grandan valon kaj poste ni igis ĉevalinon kunknedi ĝin. Post sep jaroj ni distranĉis la fromaĝon, kaj interne ni trovis la ĉevalinon kaj sep ĉevalidojn, kiujn ĝi dume naskis. La selakto, kiu elfluis de la fromaĝo formis sep riverojn, kiuj irigis tiom da ventmuliloj. Ĉe la finoj de la riveroj estis sep vojetoj, kiuj direktis al la ĉielo, kaj tie, kie la vojetoj kuniĝis, sidis Sankta Petro. Sur unu el ĉi tiuj vojetoj iris via patro kai mia patro. Alveninte al Sankta Petro, mia patro deprenis sian ĉapon, sed via patro ne deprenis sian. Ĉu vi scias, kial li kondutis tiel?"

„Ne, mi ne scias" respondis la reĝo.

Estis pro tio, ke li havis skabion[1] je sia kapo", diris Per.

„Estas mensogo!" ekkriis la rêgo.

„Jes, se estas mensogo, do la reĝidino estas mia", diris Per Kaj la reĝo devis doni al li sian filinon.

Trad.: *H. Thv. Stub.*

[1] skabio = haŭtmalsano.

# El Arabaj legendoj

La maljuna Il-Ben-Ura instruas:

— La mondo similas al ĝardeno kun floroj. Vi vidas belan floron, ekflaras ĝin — ĝi malbonodoras. Aliloke tamen, fleksita iu floreto plenigas la tutan ĝardenon je sia delikata kaj agrabla odoro.

— Majstro, aŭdigas sin Hasan Abuk, unuj el la floroj ĝojigas la okulon, aliaj malfermas la animon. Kiujn ni devas preferi?

Il-Ben-Ura glatumis sian blankan barbon, ekrigardis la ĉielon kaj diris:

— La bestoj havas senton por elekti; la homo havas saĝon por kompreni, kiam kion li bezonas. En la grandega ĝardeno de Alaĥo ĉio estas tie, ĉar devas esti tie.

— Kaj la herbaĉojn? — demandis Abuk.

— Se ne estas malĝojo, ni ne scios kio estas ĝojo; se ne estas herbaĉoj, la beleco de la floroj estos al ni indiferenta. Elradikigante la herbaĉojn ni lernas prizorgi kaj ami la florojn.

— Kaj kial iuj belaj floroj, kiuj ankaŭ agrable odoras, havas dornojn? La rozo, ekzemple...

Il-Ben-Ura interrompis Hasan Abuk'on per mano:

— Aŭskultu. En malproksima, tre malproksima tempo, en malproksimaj landoj vivis granda Majstro, kiun oni nomis Buda. Iufoje li vizitis la ĝardenon de sia disĉiplo Ki-Ŝan, granda amanto de floroj. Inter la floroj estis rozo, kiun la disĉiplo volis oferi al sia Majstro, kiam tiu ĉi eldiris sian admiron pri la superbela floro. Tuj manetendis Ki-Ŝan al la floro, sed pikis sin kaj ekkriis.

Malĝojo aperis sur la bela kaj juna vizaĝo de la disciplo, malgaje li ekrigardis sian Majstron

Kaj la Majstro nur ekridetis.

Kaj faris Ki-Ŝan al Buda la saman demandon, kiun Hasan Abuk faris al li.

Tie ĉi Il-Ben-Ura eksilentis kaj ekrigardis en la malproksimon, lumigita de la brilaj sunradioj. Lia rigardo malrapide moviĝis sur la sablaj kampoj, kiuj brilis pro varmeco, kaj haltis sur la vegetaĵaro de l'oazo.

Kaj li ekparolis mallaŭte, kvazaŭ li preĝis.

— La suno donas vivon, sed ankaŭ mortigas; la rozo ĝojigas la vivon, sed ankaŭ pikas. La saĝa homo, kiu komprenas la sencon de l' verko, trovos la harmonion en la kontraŭdiroj per sia racio kaj sia animo.

— Kiel? same tiel mallaŭte demandis Hasan Abuk.

Il-Ben-Ura lin ekrigardis riproĉe:

— Ju pli granda estas la malfacileco atingi iun celon, des pli agrabla estos la fino de l' klopodoj.

— Sed se oni trolaciĝas?

— La mondo ne estas kreita por la malfortuloj.

Trad.: *Iv. H. Krestanov.*

# Al la patro de Esperantido

De **Zanoni**

*Kanti laŭ ĉiama kanto*
*Vi deklaris malmoderne;*
*Sur la nesto „Esperanto"*
*Vi do kovis je eterne.*

*Fine rampis el la ŝelo*
*Esperanta la ideto;*
*Ĉar ĝi pepas nur sen celo,*
*Vi ĝin kaŝis en libreto.*

*Ve! En nova „Fundamento"*
*Vi mortpremis la pepulon!*
*Patro de „plej nova sento",*
*Ĉu ne sentas vi skrupulon?!*

*Ni ne ploru! Por la fino*
*Mi ja lasis unu ĝojon:*
*Bone fartas la „patrino",*
*Kaj ŝi iras sian vojon!*

# La morto de Hector Hodler

*H. Hodler mortis ...*
Sur flago: vualo kun nigra kolor'...
Ektranĉas la koron la ung' de dolor',
Kaj mute sur vango ruliĝas la larm':
En koro ardanta frostiĝas la varm'!
Reehu la mondo la famon kruelan,
Ke perdis homaro la Anon fidelan,
Ekmuĝu sur liro funebra akord,'
Sub fingro frapanta ŝiriĝu la kord'.
*K. de Kalocsay.*

## Kondolencaj esprimoj

**Telegrafe**

De S-ro *J. Mabon Warden*, prezidanto de Brita Esp. Asocio:
„... profunde bedaŭras la malfeliĉon."

De *Paul Blaise*, komitatano de UEA:
„... bedaŭras la malfeliĉon."

De S-ro *Carles*, komitatano de UEA:
„La morto de mia jam malnova kunlaboranto estas grava perdo por UEA, mi partoprenas je via doloro ..."

De *British Esperanto Association*, London:
„... sinceran kondolencon."

De *Germana Esperanto Asocio*, Dresden:
„... esprimas profundan kunsenton."

De S-ro *H. A. Epstein*, sekretario de UEA por London:
„Londona Delegitaro sendas elkoran simpation."

De S-ro *Oberrotman*, Del. de UEA en Varsovio:
„Varsovia samideanaro kun vidvino Zamenhof funebras morton Hodler ..."

De F-ino *Jeanne Flourens* (Roksano), en Béziers:
„Plej sinceran kondolencon ..."

**Letere**

De S-ro *Rollet de l'Isle*, prezidanto de S. F. P. E., Paris:
„Ne kun granda miro, ho ve! sed kun profunda ĉagreno mi eksciis la morton de la Prezidanto de UEA. Mi estas certa, ke mi esprimas la unuaniman penson de la Franca Esperantistaro, konigante al vi la emocion, kiun ĝi dolore sentos kiam ĝi scios tiun novan perdon. Feliĉe la domo, kiun li konstruis, estas nun fortika kaj povas rezisti kontraŭ tiel grandaj sortbatoj. Ni devas imiti lian sindonemon, havi lian sendifekteblan konvinkon kaj pligrandigi niajn klopodojn ĝis la fina sukceso. Bonvolu ricevi la koran esprimon de la frateca doloro de la Franca Esperantistaro."

De S-ro *Camille Rogister*, en La Chaux-de-Fonds:
„Ricevu la sinceran kaj profundan esprimon de kondolenco pri la malfeliĉa morto de la bedaŭrata Prezidanto. Post via nobla deklaro ‚Lia vivo estis bonfaro kaj laboro' ne bezonas diri ankoraŭ ion. Tiuj simplaj vortoj pentras lin. Ricevu mian plej ĉagrenplenan manpremon."

De S-ro *Jean Borel*, en Vaumarcus:
„Ekscias kun granda malĝojo la morton de nia kara kaj altvalora amiko Hodler. Doloran perdon ni ĉiuj faras, sed precipe vi sentos ĝin kruele. Estu certa pri mia profunda simpatio. Al Hector Hodler ne nur la Esperantistaro, sed ĉiuj homamantoj ŝuldas dankon. Lia memoro ne mortos."

De S-ro D-ro *Hj. Unger*, en Zürich:
„Kun profunda doloro mi legas la neatenditan morton de nia kara amiko Hodler. Lia vivo estis modela ne nur por Esperantistoj, sed por la homaro, al kies bono li tiel forte kredis, entute. Prenu mian koran kondolencon por la ne facile anstataŭigebla perdo, kiun via Asocio suferas pro lia foriro. Kaj ni restantaj ĉerpu plian forton, pensante al li kaj kredante al la afero, al kies sukcesigo li dediĉis preskaŭ sian tutan vivon."

De S-ro *Carlo Gila*, Del., en Locarno:
„Sinceran kondolencon."

De S-ino *M. Milsom*, en Ĝenevo:
„... tre bedaŭras la tro fruan morton de nia fervora samideano S-ro Hodler. Ĝi estas granda malfeliĉo por nia movado, kiu jam perdis tiom da eminentuloj ..."

De S-ro *G. Douglas Buchanan*, Del., en Glasgow:
„... je la nomo de la ĉi tieaj membroj de UEA, la anoj de la Glasgova Esperantista Societo kaj mi mem, mi permesas al mi transdoni nian respektplenan simpation al liaj parencoj kaj kolegoj. La perdo al Esperanto estas gravega."

De S-ro D-ro *Moser*, dumviva membro de UEA, en Rüegsauschachen:
„... koran kunsenton."

De S-ro *J. Karsch*, komitatano de UEA:
„Terure frapis min via sciigo; el la multaj perdoj, kiujn devis suferi la movado kaj UEA, tiu ĉi estas por ĝi la plej grava. Kiom li signifis por ni, ni jam ĉiam konsciis, sed plene ni komprenos lian forton, lian iniciatkapablon, lian sindonemon nun, kiam ĉiuj bonaj kaj maloftaj ecoj mankas al ni. Ne necesas, ke mi esprimu mian doloron pri la kara mortinto pli detale — akceptu, Vi kaj ĉiuj kunlaborantoj de nia neforgesebla Prezidanto, koran manpremon kiel signon de mia funebro; havu la bonecon esprimi mian plej koran kunsenton ankaŭ al la familio Hodler, kiu perdis tiom multe en li."

De S-ro *Jaquillard*, Del., en Lausanne:
„La Grupo Esperantista en Lausanne sciiĝis malĝoje la tro fruan morton de Hector Hodler, unu el niaj plej kuraĝaj batalantoj de la Esperantismo. Li postlasas ĉe multaj Esperantistoj la memoron de vera idealisto, pioniro de nobla ideo kaj pro tio multaj bedaŭroj lin sekvas en la tombon. Estas granda perdo por la progresema, la pacifista kaj Esperantista mondo kaj pro tio ni esprimas al la familio nian senton de profunda kondolenco."

De *Enrico Bignami*, red. de la revuo „Coenobium", Lugano:
„... transdonas sian plej sincerajn kondolencojn pri tiu alta kaj nobla personeco, kiu estis Hector Hodler, amiko kaj kunlaborinto de la ‚Coenobium'."

De S-ino *Alexandra Mexin*, en Ĝenevo:
„Mi petas akcepti mian kondolencon pro la perdo frapinta la Esperantistaron kaj la redakcion de ‚Esperanto'."

De la *„Societo de Amikoj de l' Esperanto"*, Paris:
„... Tiu nova perdo por nia movado estas despli granda, ke malgraŭ la sindonemo de ĉiuj liaj kunlaborintoj kaj kunlaborantoj neniu tiel bone konas la Esperantistaron, kaj por propagandi iun ideon, oni unue devas koni la adeptojn de tiu ideo. ... Nome de la „Societo de Amikoj de Esperanto", nome de la Esperantista Centra Oficejo, la subskribintoj sendas al vi kaj al via Asocio la esprimon de siaj sentoj de kondolenco kaj de simpatia kunsento."
*S-ino E. F. Cense. H. Sébert. Gabrielle Gérard."*

De S-ro *Francisco Chierego*, Del., Trieste:
„Pro tioma perdo ne nur por UEA sed ankaŭ por tuta samideanaro, mi esprimas al UEA la plej sentitajn kaj sincerajn kondolencojn ..."

De S-ro *Generalo Sébert*, Paris:

„Estas kun viva emocio, ke ni sciiĝis tiun malĝojan novaĵon, kaj mi persone esprimas mian senton de sinceraj kondolencoj, kiujn mi petas transdoni al la membroj de la komitato de via Asocio . . ."

De S-ro *Raymond Evrot*, en Chambéry:

„Kun profunda doloro, mi eksciis hodiaŭ pri la morto de S-ro Hodler. Mi tute ne antaŭvidis tiun fatalan kaj dolorigan okazon, ĉar antaŭ nelonge mi ricevis de S-ro Hodler, okaze de la morto de mia kara patro, kortuŝan leteron. Bonvolu akcepti kun mia samideana saluto la esprimon de miaj doloraj sentoj . . ."

De S-ro *Robert Kreuz*, en Frankfurt a. M.:

„Kun granda ĉagreno mi legis la novaĵon, legis ĝin dufoje, ĉu ĝi estas vera. Bonvolu esprimi al la komitato mian sindonan bedaŭron pro la grava perdo . . ."

De S-ro *Etard*, Del., Rouen:

„Mi tutkore funebras pri la morto de nia Prezidanto kaj sendas al lia familio miajn sincerajn kondolencojn . . ."

De S-ro *Ch. Brunet*, Del., Bordeaux:

„Plorinda Hodler! Kial je 33 jaroj morti? Ni bezonis lin ankoraŭ, ĉar viroj de tiu speco estas maloftaj. Hodler havis nur amikojn. Por mi ne fremdulo, sed vera parenco mortis. Akceptu mian koran simpation."

De S-ro *L. Poncet*, Del., Lyon:

„. . . Ne nur la sindoneman prezidanton de UEA, ne nur la ofereman direktoron de ‚Esperanto' mi ploras. H. Hodler, kiun mi konis de pli ol dekdu jaroj, estis por mi indulgema amiko, prudenta konsilanto. Lastfoje mi lin vidis en Genève post la Berna Kongreso, dum kiu ni kunlaboris. Mi ne pardonas al mi, ke mi ne efektivigis, malgraŭ la malfacilaĵoj, mian intencon viziti lin dum lasta somero."

De S-ro *W. M. Page*, Edinburgh:

„La novaĵo tre malĝojiga ĵus atingis min pri la morto de nia amiko kaj kunbatalanto por Esperanto, Hector Hodler. Kvankam raportoj venis al ni pri la malbona stato de lia farto, la brava kaj kuraĝa maniero, per kiu li verkis artikolojn en ‚Esperanto' kaj eĉ polemikis pri diversaj punktoj esperigis nin, ke eble post ĉio li povas plu vivi kaj porti nian standardon dum multaj jaroj, ĉar li estis juna homo kaj pleno da entuziasmo, kaj ofte la spirito venkas malsanon. Sed nun senkompata morto forportis lin por daŭrigi sian laboron en la plej alta sfero. Hector Hodler havos monumenton por ĉiam en UEA, kiun li fondis. . . . Ĝis la morto nia amiko laboris por tiu celo. Lia lasta vorto al ni en la gazeto estis: ‚Ellerni la lingvon'; bona konsilo. Kaj ellerninte ĝin oni devas uzi ĝin, kaj ni devas danki al Hector Hodler pro tio, ke li donis al ni la plej efikan organizaĵon por uzi la lingvon en la UEA. Mi deziras esprimi al vi kaj al ĉiuj kunlaborantoj en Svislando mian plej profundan kondolencon."

De S-ro D-ro *Schacht*, Zürich:

„Kun profunda doloro mi ricevis la sciigon pri la grava perdo, kiu trafis UEA kaj la tutan Esperantistaron. Al la estraro de UEA mi sendas la esprimon de miaj plej sinceraj kondolencoj."

De D-ro *Fritz Rockmann*, komitatano de UEA:

„. . . Hodler konstruis por si mem la plej bonan monumenton, nia UEA. Ni havos la devon labori je lia memoro kaj subteni, ke la vivverko lia ekfloru denove kiel nedetruitebla ĉiama monumento de la nomo ‚Hector Hodler'."

De S-ro *R. Bolliger*, Del., en Bern:

„. . . mi esprimas al vi miajn plej profundajn kondolencojn. Tro frue la morto forrabis lin meze de lia laborplena vivo, sed neforgesebla estas lia memoro."

De S-ro *Ludwig Istel*, Del., Wiesbaden:

„. . . Hodler estis unu el la malmultaj homoj, kiuj kontraŭbatalis la malamon kaj la kalumnion, el kiu ajn flanko ili venis, kaj neniam estos forgesata lia alta kuraĝo. . . . Ni ĉiuj scias, ke Esperanto, sen la genia organizo de Hodler ne estus gajninta la praktikan sukceson kaj per tio la signifon ĝenerale. Lia gazeto ‚Esperanto' estis la sola ĵurnalo, kiu dum la tuta milito daŭrigis internacian revuon en ĉiuj landoj. . . . Profunda do estas la doloro pro la frua morto de tiu ĉi nobla homo, kaj la memoro estos gardata al li kun dankeco de ĉiuj Esperantistoj. Ni estu simila al li, ke ni ankaŭ donas ĉion kion ni povas por nia movado: por Esperanto kaj por UEA. Al la familio de la mortinto miajn personajn kondolencojn."

De S-ro *O. Haller*, Del., Rorschach:

„. . . La bonfarinto kaj fervorega laborinto por Esperanto restu al ni en honora memoro."

De S-ro *E. Müller*, Del., Zürich:

„. . . Nun, kiam li baldaŭ estus povinta vidi la fruktojn de lia senlaca penado, la sorto forprenas lin de lia laborkampo. Lia memoro restos neforgesebla por la Esperantistaro de la tuta mondo."

De Ges-roj *Krestanov*, Bern:

„. . . Nin konsolu tamen la espero, ke liaj agoj kaj skribaĵoj — imitindaj modeloj — ne restos senfruktaj. Ili subtenu nin sur la vojo al la triumfo de la kara afero, al kiu li dediĉis sian tutan vivon. Lia memoro ne bezonas laŭdojn — ĝi mem brilas kiel suno. Li estas nur kara, malaperinta ombro. . . . Pacon al lia cindro kaj riverencon al lia memoro."

De S-ro *Paul Linares*, komitatano de UEA:

„. . . ni ĉiuj bedaŭras profunde tian gravan perdon por UEA kaj sendas al la vidvino kaj familio de la mortinta amiko niajn plej sincerajn kondolencojn."

De S-ro *H. Kürsteiner*, Del., St. Gallen:

„. . . Denove la movado perdas unu el la plej saĝaj kapoj, ageman, ĉiam sinceran homon. Nur kun varma danko ni povas pensi pri li. La memoro al li estas neforgesebla, kaj lia nomo aperas sur la unua paĝo de Ora libro de la Esperanto-historio. En la nomoj de la samideanoj de St. Gallen kaj en la mia mi esprimas al lia familio kaj parencaro nian profundan kunsenton de malĝojo kaj nian kondolencon.

De la *Esperanto Societo* Zürich:

„. . . Ni esprimas al vi kaj al la familianoj de la estimata mortinto nian plej koran simpation . . ."

De S-ro *Th. Cart*, Paris:

„Kun kia doloro mi sciiĝis pri la morto de nia karega Hodler mi ne povas diri. Per sia karaktero kaj talento li estis la plej bona inter ni ĉiuj. . . . sed en ĉio mi lin admiris kaj konsideris lin „nian veran estron. Mi sciis kiel grava estis lia malsano, sed mi ĉiam esperis, ke ni konservos lin dank' al lia vivado sur la montaro. Lia foriro estas neriparebla perdo por nia tuta movado. . . . Mia koro estas plena de malĝojo, tiel plena, ke mi nur povas plori kun vi."

De S-ro *August Omlor*, Del., St. Ingbert (Saarteritorio):

„La sciigo pri la subita morto de nia altestimata Prezidanto profunde kortuŝis min. Konsternita mi estas pri la rea grava perdo, eble la plej grava, kiu povis alveni en la nuna momento. Al la Asocio mi sendas miajn kondolencojn kun la peto ilin transdoni al la familio de la mortinto."

**La entombigo de S-ro Hector Hodler okazos la 19 majo en Genève.**



# XIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Hago, 8—15 aŭgusto 1920**

*Kvina komuniko*

**Honora Komitato.** — Aliĝis ankoraŭ:

S-ino *W. van Itallie-van Embden*, paroladistino pri sociaj kaj etikaj movadoj, en Leiden. Ĉetere la Sinjoroj:

*Edo J. Bergsma*, urbestro de Enschedé, liberala Senatano, prezidanto de la Nederlanda Turista Ligo, en Enschedé.

*J. Eigenhuis*, lernejestro, verkisto, redaktoro de la etika gazeto „Eenheid", en Hago.

*Th. de Groen*, industriisto, en Hago.

*P. J. de Kanter*, skabeno de Dordrecht, prezidanto de la Societo por disvastigo de kono pri Nederlando en la fremdo, en Dordrecht.

Prof. *J. F. Niermeijer*, profesoro ĉe la universitato de Utrecht, eksterordinara profesoro en la ekonomia geografio ĉe la Nederlanda Komerca Universitato de Rotterdam, en Utrecht.

*Hugo Nolthenius*, prezidanto de la Nederlanda Vegetara Ligo, eksprofesoro gimnazia en klasikaj lingvoj kaj literaturo, en Laren (N. H.).

*F. P. Ossendorp*, socialdemokrata parlamentano, prezidanto de la Ligo de Nederlandaj Instruistoj, en Amsterdam.

La listo de honorkomitatanoj nun provizore estas fermata; eble aliĝos ankoraŭ kelkaj eminentuloj, kiuj ĝis nun ne respondis la inviton.

**Protestanta Diservo.** Per la zorgoj de nia samkomitatanino, F-ino *N. Boon*, Kranenburgweg 9 a, Hago, la Franca aŭ Valona preĝejo, simpla negranda preĝejo en la mezo de la urbo, estas luita je malalta prezo, por Esperanta diservo dum la posttagmezo de Dimanĉo 8 aŭgusto.

**Donacoj.** Kun multa danko ankoraŭ ricevitaj: de Anonima Societo „Bantool" 100 guldenoj kaj de Anonima Societo „Tandjong Tirto" 100 guldenoj, ambaŭ sidantaj en Hago. Kune kun la antaŭa listo 501.65 guldenoj, el kio fl. 4.65 de eksterlandano.

**Garantia Fundo.** Ankoraŭ enskribigis sin por 1 parto de 25 guldenoj S-ro Otto de Beus en Culemborg (Nederlando). Entute 19 enskriboj po 25 guldenoj — fl. 475. Kvankam la kurzo de la guldeno en multaj landoj notas tre alte, ni tamen kuraĝas instigi la eksterlandajn samideanojn enskribi (do *ne* pagi) en la garantia fundo. Nur kiam la kongreso rezultigus deficiton, la garantianoj estos petataj pagi laŭproporcie, sed kiam la nombro de kongresanoj estos preterpasinta 400 (sur kiu la buĝeto estas bazita) la risko je grava deficito ne estas tre verŝajna.

**Kongres-eldonoj.** La tre altaj enlandaj preskostoj devigas nin esti tre ŝparemaj pri kongrespresaĵoj. Tamen ni nun komencas vendi: 1e ilustritan poŝtkarton (kun Esperanta surskribo) montrante la kongresejon: la Kavalira Salonego kaj 2e Glumarkon verde presitan por instigi la samideanojn partopreni. 10 kartoj kostas 50 cendojn, afrankite al eksterlando por 5 internaciaj respondkuponoj. 100 glumarkoj kostas 30 cendojn, afr. por 3 internaciaj respondkuponoj. Mendojn kaj monon sendu al la propaganda komisiono, ĉe S-ro J. Diehl, van Bassenstraat 27, Hago.

**Pasportoj.** Por povi eniri Nederlandon, oni nepre bezonas pasporton. Demandoj por pasportoj adresotaj al la plej proksime rezidanta Nederlanda konsulo, kiu trasendas la demandon al la Regna Pasporta Oficejo en Hago, kiu decidas. Oni do ne tro longe prokrastu la demandon.

**Internacia Balo.** La festkomisiono sukcesis varbi la helpon de l' konata Haga dancprofesoro S-ro W. Weijne por la aranĝo de internacia kostumita balo, ĵaŭdon la 12 aŭgusto, en la salonego de l' Botanika Zoologia Ĝardeno. Nacia danco estos studata. Oni kunprenu siajn naciajn kostumojn.

**Festvespero.** Ĝi estas fiksita je lundovespere, 9 aŭgusto, en la Urba Teatro. Estos koncerto, alternata de deklamado kaj kantado.

**Aliĝoj.** Inter la antaŭa kaj la nuna komuniko nur malmultaj samideanoj enskribigis sin, tiel ke ni prokrastis la publikigon de la 2a listo de kongresanoj ĝis la 6a komuniko. Precipe pro la ĝustatempa aranĝo de la enloĝigoj k. t. p., ni ne tro forte povas instigi la samideanojn baldaŭ enskribigi sin kaj sendi siajn kotizojn po 10 guldenoj (*ne* en naciaj ĉekoj, kiuj kaŭzas perdotempon kaj kurzodiferencojn!) al nia banko.

**Korespondado.** En la lasta tempo diversaj samideanoj petis nin respondi al ili kondiĉojn, novaĵojn, k. c. Ni atentigas ilin, ke al „Esperanto" kaj al la Esperanto-gazetoj de l' tuta mondo, ni ĉiumonate sendas la komunikindaĵojn. Oni pardonu al ni, ke la amaso de laboroj ne permesas al ni ripeti tiuj komunikojn per privata korespondo, kiun oni limigu kiel eble plej multe.

La kongressekretario:
*J. L. Bruijn.*

## NACIAJ KONGRESOJ

### IXa Belga Kongreso de Esperanto

*Bruselo, 23—25 majo 1920*

La organiza komitato faras varman alvokon al ĉiuj belgaj kaj alilandaj samideanoj, por ke ili tuj sendu sian aliĝon al S-ro *F. Mathieux*, 15, Avenue Bel-Air, Uccle-Bruxelles, kasisto de la kongreso.

Loĝa fako estas organizata de S-ro *Piens*, estro de la „Oficiala Informoficejo de Bruselo", 19, Grand'Place, Bruxelles. La kongresanoj povas rezervigi al si konfortan dormoĉambron po Fr. 3, Fr. 4, Fr. 5, Fr. 6 ĝis Fr. 20 k. p.

S-ro Piens, kiu, pere de sia informoficejo, faras tre gravajn servojn al Esperanto, donacos al ĉiuj kongresanoj belan gvidlibron kaj planon de Bruselo.

Por ĉiuj pliaj informoj sin turni al F-ino *Jennen*, 39, Rue d'Albanie, Bruxelles.

PROGRAMO DE LA KONGRESO

*Unua tago. — Dimanĉo.*

9½ h. Akcepto en la Norda stacidomo de Bruselo.
10½ h. Ĝenerala kunveno de la „Belga Ligo Esperantista" en la ĉambrego de la malnova urbdomo de St-Gilles.
12 h. Oficiala akcepto farota de la urbestraro en la belega nova urbdomo de St-Gilles.
Poste Fotografado kaj filmado de la kongresanoj.
13 h. Festmanĝo. *(Kosto Fr. 12 po partoprenanto.)*
18½ h. Granda artfesto en la malnova urbdomo de St-Gilles.

*Dua tago. — Lundo.*

9½ h. Kunveno en la „Oficiala Informoficejo", 19, Grand'Place, Bruxelles, por kuna urbvizitado.
12 h. Laŭvola aŭ kuna tagmanĝo.
13½ h. Forveturo per tramveturilo por belega ekskurso al Tervueren.

Dum la kongreso Esperanta ekspozicio estos aranĝata.
La kongreskarto kostas Fr. 5.

### Esperanto-Tago en Budapest

La 16 majo okazas en Budapest Esperanto-Tago; oni invitas kore eksterlandajn samideanojn ĉeesti tiun ĉi kunvenon.

Organiza komitato: D-ro K. Kalocsay, VIII, Josef u. 4.
(Bedaŭrinde tiu ĉi informo venis tre malfrue. — *Red.*)

**Unua diskuta kunveno de Esperantistoj de Iberiaj landoj**

*Barcelona, 27—30 junio 1920*

Konsciante, ke la movado en nia lando postulas efikan reagadon por okupi la antaŭmilitan postenon kaj puŝi pluen la progresadon de nia lingvo, ni organizis la supre cititan kunvenon, pri kies sukceso ni ne dubas, kun la celo veki la dormiĝintan fervorecon de la Esperantistoj en nia lando kaj atentigi la eksteran publikon. La kunveno, kiu estos pure diskuta, konsistos el diversaj fakoj, interalie, kuracista, jurista, laborista kaj ekspozicia. Ni invitas la tutmondan samideanaron sendi temojn kaj proponojn por plej granda praktika rezultato de nia entrepreno, kies ĉefa trajto estas pruvi la utilecon de nia lingvo ĉe ĉiuj fakoj de la vivo. Samtempe ni esperas, ke oni helpos nian ekspozicion, sendante katalogojn, gvidlibrojn, verkojn, broŝurojn, poŝtkartojn, k. t. p., pri kies resendo ni garantias, se tiel oni petas.

Kosto de membrokarto, kiel protektanta aliĝinto, estas 2,50 Pes.

Organiza Grupo de la Kunveno Esperantanaro Fajro: *Dr. Robert*, Sarrià-(Barcelona)

*Organiza Komitato de Ekspozicio Esp. Soc. Paco kaj Amo* Asturias 1. Barcelona.

# VENKOJ DE ESPERANTO

La lasta novaĵo, kiu ĝojigis la koron de nia plorata amiko Hodler estis la oficialigo de nia lingvo en lernejoj de Rusa Respubliko. Jam antaŭ kelkaj monatoj ni sciiĝis, ke la Rusa registaro starigis en Moskvo Esperanto-domon sub gvidado de nia talenta samideano kaj akademiano Evstifejev. Nun oni legas en „Pravda", ke estis ankaŭ elektita, ĉe la Popolkomisarejo por publika instruado, scienca komisiono por studi la demandon pri internacia helplingvo.

Post interesa diskutado kaj komparado de diversaj proponoj, tiu oficiala komisiono aprobis Esperanton kiel la plej taŭgan kaj decidis tuj praktikan solvon: enkonduki Esp. en ĉiuj lernejoj de la Respubliko. Devigaj lecionoj jam komencis en Moskvo, Peterburgo, Tver, Orel kaj Smolensk. Pri tiu grandega sukceso ni tutkore gratulas niajn Rusajn samideanojn. Iam ni aŭdos pli detale pri ilia senlaca laborado por atingi tiun belan rezultaton. Tia decido faros kaj jam disvastigis grandan impreson tra la tuta mondo kaj kompreneble ĉefe inter la socialistaj rondoj, kie ĝi espereble nun ĉesigos ĉiujn *teoriajn* diskutojn pri mondlingvo.

En ceteraj rondoj troviĝos eble timemaj personoj, kiuj diros, ke domaĝe estus se Esperanto ekŝajnus antaŭ la publiko kvazaŭ oficiala lingvo de „revolucianoj". Al tiuj oni ĝentile respondu, ke ili klopodu, por ke ankaŭ la registaro de ilia lando enkonduku Esp. en la lernejoj tiel, ke ĝi fariĝu baldaŭ *ĉies* universala helplingvo. Tio estas ja nia celo.

Ke la Rusa popolo instigis sian nunan registaron al oficialigo de Esp. estas ja tre kompreneble kaj nature, ĉar en tiu parto de la mondo nia lingvo trovis la plej multajn adeptojn jam de la komenco. Tie la homoj akre suferis pro intergenta batalado kaj jam de longe sopiras al homaraj sentoj. Tie naskiĝis Esperantismo kaj ĝia interna ideo. Tie Zamenhof estis vaste konata krom Tolstoj kiel homa bonfaranto. Lia verko simbolis al popolamaso esperon al intergenta paco kaj interkonsento.

Venko de Esperanto estas venko de frateco super sango. Tial ni ĝoju sincere.

* * *

Alia venko de frateco super sango jus okazis en Ĝenevo ĉe la internacia kongreso de militintoj. Unuafoje en la historio de la mondo renkontiĝis soldatoj de malamikaj regnoj por frate premi al si la manon kaj diskuti kune la rimedojn por malebligi pliajn hombuĉadojn. Delegitoj kunvenis el ĉefaj Eŭropaj regnoj. Ili reprezentis vastajn asociojn de partoprenintoj en la tutmonda milito. En kelkaj landoj tiuj societoj entenas centmilojn da membroj, ĉiuj fervore kontraŭaj al rekomenco de interpopola batalado. La kongreso kunvenis sub prezido de l' fama Franca verkisto Henri Barbusse, aŭtoro de la primilitaj noveloj „Fajro" kaj „Klareco". Ĝi decidis organizi propagandon por eduki la popolojn kaj speciale la infanojn kontraŭ la naŭzigaj teruraĵoj de milito. Ĝi akceptis programon de kelkaj rimedoj por interproksimigi la naciojn kaj ilin protekti kontraŭ ŝovinistaj incitoj.

Kiel unu ĉefan inter tiuj rimedoj ĝi decidis „postuli la devigan instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj de ĉiuj landoj kaj disvastigi ĝian uzadon por ĉiuj internaciaj rilatoj (poŝto, telegrafo, komerco, scienco, k. t. p.)." La diverseco de lingvoj videble ĝenis kaj difektis la diskutojn ĉe la kunsidoj. Tial la kongreso decidis, ke „post la 1. oktobro 1920 la oficiala lingvo de la jus fondita Internacia Federacio de militintoj estos Esperanto, kiu estos deviga por la korespondado kaj kongresoj de la Federacio".

Jen granda internacia organizaĵo nun alprenas Esperanton por sia funkciado. Ĝia dua kongreso, okazonta en Milano en oktobro proksima, montros ĉu la delegitoj estos tiam lernintaj nian lingvon laŭ sia solena decido.

Kompreneble ne ĉiuj el ni konsentas kun tiu aŭ alia politika tendenco de la diverslandaj supre nomitaj Asocioj de militintoj nun grupiĝintaj federacie. Sed, kiel Esperantistoj, ni povas nur ĝoji, ke nia lingvo nun estas pli kaj pli uzata. Ke ĝi fariĝas iom post iom internacia lingvo de tiuj homoj, kiuj laboras por konstrui novan mondon super ĉiuj landlimoj, tio estas ja natura kaj eĉ konforma al la celo de nia Majstro Zamenhof.

Sed kion atendas la sciencaj rondoj por imiti tian ekzemplon? Nun venis la horo fini ĉiun ŝanceliĝadon kaj alpreni decidojn.

* * *

Dume ni, Esperantistoj, ne povas kontentiĝi per ĝojaj aplaŭdoj al ĉiu nova venko de nia lingvo. Ankaŭ devon kaj zorgon ĝi alportas al ni. Kiam ia ajn internacia organizaĵo decidas en majo jam oficialigi Esp. je oktobro, ĝi fidas, ke tiam ĝi havos je sia dispono tute pretan vortaron por esprimi ĉion necesan. Ni faru, ke tio estu certa.

Francoj, Britoj, Amerikanoj havas malsamajn kutimojn pri funkciado de societoj, komitatoj, estraroj, delegitaroj, k. t. p. Ankaŭ en lingvaj tradukoj montriĝas tiuj diferencoj. Por ke nia lingvo estu pli kaj pli akceptata por internaciaj kongresoj estus necese prepari tute precizan vortaron pri administraj aferoj.

Ne mankas en Esp. la radikoj por tio, sed nur internacie fiksita sistemo. En tiu ĉi gazeto ni povus enpresi ekzemple bonan modelon de tipa regularo por internaciaj asocioj kaj poste ĝi povus utile presiĝi aparte. El cirkuleroj de UEA kaj de Centra Oficejo jam multon oni povus elĉerpi.

Interesajn proponojn pri tio ni volonte publikigos. Ni faru nian lingvon kiel eble plej utila kaj efektive helpa al ĝenerala klareco.

*Edmond Privat.*

# Inter ni

*Antaŭ tri jaroj mortis nia amata inspiranto D-ro Zamenhof, sed liaj vortoj restas. Nenio pli urĝus ol ilin diskonigi tra la mondo eĉ inter la Esperantistoj. Pri diversaj temoj lia instruado valoras admirinde. Moralan edukadon ĝi entenas kaj ankaŭ lingvan.*

*Ĉiam saĝe kaj science li montris kiel nature kreskas lingvoj vivantaj. Same Esperanto. Neniu estis malpli fanatika ol li, neniu pli kvieta. Konsilante fidelecon al Fundamento, li volis eviti, ke iu ajn enkonduku teoriajn kaj arbitrajn ŝanĝojn en la lingvo kaj ĝenu tiel ĝian daŭran kreskadon per danĝeraj rompoj. Sed li ankaŭ ne deziris, ke tiu kreskado estu ĝenata per maltoleremo kaj malibereco.*

*La severa kritikado je uzado de novaj formoj ludas utilan rolon por malkuraĝigi senutilajn malsimplajojn. Oni devus memori, ke unu el ĉefaj ecoj de Esperanto estas ĝia facileco. Kial ekzemple skribi „komplementaj scientifikaj eksplikajoj“ kiam ĉiu pli rapide komprenus: „pliaj sciencaj klarigoj“? Japanoj kaj Ĥinoj ne deziras lerni superfluajn formojn. Tute prave. Tial ia birdotimigilo povas efike kontraŭagi.*

*Sed ĝi ne devas haltigi la veran progresadon de nia lingvo. Tiu sama Japana scienculo, kiu min atentigis pri la danĝero de superfluaj formoj plendis, ke Esperanto ne posedas sufiĉe precizajn teknikajn vortarojn. Ankaŭ tute prava li estis. Nia Akademio devas kuraĝigi kaj eĉ instigi laboron de diversaj korporacioj por starigi kaj provadi la necesajn esprimilojn en ilia speciala fako.*

*Al tio ne devas sin limigi la iniciato de l'Akademio, kies celo devas esti antaŭ ĉio gardi la unuecon de la lingvo. Kiam la libera provado kreis pri tiu aŭ alia punkto staton anarkian, t. e. tro longa batalo inter diversaj formoj por tre ofta uzajo de l'komuna lingvo, tiam ĝi devas interveni en helpa maniero kaj oficialigi la plej oportunan formon laŭ la uzado.*

*Ekzemple, ne nur en Esperanto, sed ankaŭ en ceteraj lingvoj ekzistas vera ĥaoso pri landnomoj pro la multegaj ŝanĝoj post la milito kaj pro novaj nacciistaj ideoj. Kiel la Franca lingvo, Esperanto hezitas inter Letujo, Latvio, Letonio, Letonujo, Letlando k. t. p.*

*Jam antaŭ la milito oni uzis en Esperanto „Aŭstrio, Alĝerio, Skandinavio, Rusujo, Ruslando, Holando, Holandujo, Svisujo, Svislando, Svisio.“ [1] Kiam la speciala komisiono de l'Akademio raportis pri tiu temo, ĝi ne povis konsenti pri definitiva solvo. Nun venis la tempo fiksi unuecon pri tio. Se vere la sufikso -io, por kiu mi cetere ne havas eĉ iom da entuziasmo, povus utili por atingi tiun unuecon, nu bone, la Akademio ĝin oficialigu kaj finu la ĥaoson! La disprovado sufiĉe daŭris.*

*Rekomendinde estus ĉiam studi tiajn aferojn sen pasio, sen ekscitiĝo, sen ekskomunikoj. Kiel estus prova libereco kaj natura evoluado, se oni ĉiam kreus skandalojn anstataŭ ekzameni la faktojn de la vivo?*

*Edm. P.*

[1] *Sur la kovrilo de jus aperinta nova gazeto ni eĉ legas: German-Aŭstrolando (Aŭstrio), Bulgarlando (Bulgario), Itallando (Italio), Serblando (Serbio), Siberlando (Siberio) kaj ... Venzuellando (Venezuelo). Kiel maloportuna estas tia ripetado de la peza finaĵo „lando“, sentos ĉiu persono, kiu bezonas ofte skribi landonomojn. Praktika lingvo ne povas akcepti tiel malpraktikan sistemon por nomi landojn, kiuj jam havas multe pli simplan kaj unuavide kompreneblan tute internacian formon. — (Noto de H. H.)*

# KRONIKO

**Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia** Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Britio.

*Barry:* S-ro R. T. Evans ricevis permeson eksperimente instrui Esperanton en la Elementa Lernejo. — *Belfast:* Jara grupkunveno. — *Birmingham:* Regulaj grupkunvenoj. — *Brighton-Hove:* Publika lekcio pri „Esperanto kiel komerca lingvo“. — *Edinburgh:* Parolado de S-ro Harvey „Pri kelkaj Skotaj kantverkistoj“. — *Glasgow:* Granda kunveno; dum diservo S-ro Pastro Ashley predikis pri Esperanto. — *Murston:* Kurso gvidata de S-ro Pudney, uzata estas „Kursa Lernolibro“. — *Northampton:* Sukcesa kurso; kunvenoj ĉiumarde en Instituto St. Lawrence. — *Newcastle-on-Tyne:* Restariĝo de la Nord-Orienta Federacio.

## Bulgario.

*Pleven:* Fondiĝis grupo kun 80 anoj. Du kursoj funkcias sub gvido de S-roj Simov kaj Simeonov. Vigla promesplena movado. — *Ŝumen:* La grupo „Vekiĝo“ reviviĝis.

## Ĉeĥoslovakio.

*Holešov:* De 26 marto kurso en industria knabina lernejo. — *Hradec-Králóvé:* Vigla propagando. La 3 marto informa kunveno de interesuloj; pri problemo de lingvo internacia kaj pri nuna stato de Esperantista movado parolis O. Sklenčka, Del. de UEA. 60 partoprenintoj. La 10 marto nova kurso malfermita, tria postmilita, nur por plenaĝuloj; aliĝis 46 gesinjoroj. La klubo kunvenas ĉiumerkrede 7½—11, adreso ĉe la Del. — *Leitmeritz:* P-ro Hickel sukcesis aranĝi Esp. angulon en la loka gazeto. — *Neustadt a. T.:* S-ro Schmidt faris sukcesplenan paroladon inter la socialista junularo kaj komencis kurson. — *Olomouc:* Landa konferenco de la Moraviaj Esp. grupoj. Oni decidis instigi la registaron je prova enkonduko de Esperanto ĉe la popolaj kaj mezaj lernejoj, ke al ĉiu instruisto estu permesate, instrui nian lingvon ekster la lerneja horo kiel libervola fako, rilati kun la komercaj ĉambroj pri utiligo de Esperanto. — *Praha:* Du paroladoj kaj kurso de H. K. Bouška por profesoroj kaj studentoj. Konstanta rubriko kaj kurso de B. Hýna pri Esp. en semajna gazeto de la socialista junularo „Mladé proudy“. Ĉe kunveno de la urbaj deputitoj, urba konsilanto P-ro Raudnitz proponis la enkondukon de Esp. kiel instrua fako proksiman jaron. La propono estas submetata al la urba konsilantaro. — *Teplitz-Schönau:* D-ro Guth komencis kurson.

## Estonio.

*Tallinn (Reval):* Artikoloj en la tagaj gazetoj „Päevahlet“ kaj „Tallinna Teataja“ el „Esperanto“ kun indiko de la fonto.

## Finnlando.

La movado daŭre prosperas. Kursoj en *Helsinki, Isokyrö, Kemi, Konnitsa, Kymi, Kuusankoski, Kelvä, Laihia, Lappeenranta, Luopioinen, Mikkeli, Mosabacka, Ostolä, Oulu, Salo, Tampere, Turku, Viipuri, Vähäkyrö.*

## Francio.

*Angers:* Kurso de S-ro Muffang. — *Beauvais:* S-ro Demarcy vigle propagandas. — *Béziers:* Gazetartikoloj. — *Clermont-Ferrand:* S-ro Thomas klopodas restarigi la grupon. — *Limoges:* La tiea grupo reorganizita rekomencis viglan propagandon. Ĝia prezidanto, S-ro Duris, faris en marto du paroladojn, unu ĉe la junulina Liceo kaj alia antaŭ la militvunditoj. Ĉeestis pli ol 150 personoj. Ĉirkaŭ tridek vunditoj enskribiĝis por partopreni kurson. Por la malfeliĉaj infanoj de Graz, la grupo publikigis alvokon en la loka

gazetaro. Ĝi trafis grandan sukceson. La donacoj superos kvarcent frankojn, kaj familioj plezure akceptus infanojn. — *Lyon:* En propaganda revuo de la Svisa industrio ĉe la foiro de Lyon troviĝas bildo de la Esp. pavilono, montranta la urbestron S-ron Herriot gratulante S-inon Farges pro la bona aranĝo. — *Neuilly-Plaisance:* Grupo reorganiziĝis. Nova kurso. — *Orléans:* Kurso. — *Paris:* Regulaj kunvenoj; reaperis la gazeto „Franca Esperantisto". — *Saint-Denis:* Kursoj en „Salle des Fêtes". — *Villeneuve-St-Georges:* Kurso.

## Germanio.

*Annaberg:* Nova grupo fondiĝas. — *Altenburg:* Kurso kun 20 lernantoj en la Popola altlernejo. — *Berlin:* Regulaj kunvenoj; lumbildo-parolado pri spektroskopo de S-ro Brucks; UEA-kunveno 16 marto. — *Bremen:* Parolado de S-ro Fricke. Nova kurso en „Vegetara Restoracio". — *Breslau:* Regulaj kunvenoj. — *Cannstatt:* Kurso kun 16 partoprenantoj. — *Dresden:* Regulaj kunvenoj. Ĝenerala kunveno de Societo Esperanto. UEA-kunveno. — *Eisenach:* Dum la pasinta jaro okazis 5 kursoj; la grupo kalkulas 88 aktivaj, 12 pasivaj membroj. Imitinda ekzemplo! — *Essen:* Paroladoj kaj kursoj. — *Esslingen:* Ekspozicio. Kurso kun 14 p. — *Frankfurt a. M.:* Grupo de blinduloj fondiĝis. — *Gleiwitz:* Popola altlernejo nova kurso kun 20 p. — *Hamburg:* Nova kurso kun 25 p. instruas S-ro Hoffmeister. Dum majo granda propaganda kunveno kun ekspozicio. — *Hannover:* Ĝenerala kunveno de l' grupo. Nova kurso. — *Harburg:* Kurso kun 17 p. — *Köln:* La grupo daŭrigas labori. — *Lehe:* Kurso. Fondiĝis grupo. — *München:* Kurso kun 20 p. de S-ro Ziegler. Artikolo en „Mitteilungen des Vereins für die kathol. Deutschen im Ausland" de S-ro Sappl. — *Osnabrück:* Parolado de S-ro E. Macke en la Paco-Societo; 25 p. enskribiĝis por kurso. — *Potsdam:* Kurso en la popola altlernejo. Kurso kun 30 p. en Klein-glienicke. — *Riesa a. d. E.:* La grupo kalkulas nun 85 m. — *Schweidnitz:* Kurso en la popola altlernejo. — *Stuttgart:* Regulaj kunvenoj, kurso kun 20 p.

## Grekio.

*Athènes:* Kurso gvidata de S-ro M. Kraev inter la Bulgaraj militkaptitoj. Granda entuziasmo. Sendu Esp. legaĵoj al „Ecole Militaire des Evelpides".

## Hispanio.

*Barcelona:* Kursoj organizataj de Esp. Grupo „Aplech". — *Cordoba:* La gazeto Cordoba Commercial regule enhavas pri Esp. artikoloj.

## Hungario.

*Budapest:* Gazeto „Közép Duna" presas la titolojn en tri lingvoj: Hungare, Germane, Esperante. En taĝjurnalo longa artikolo pri „Internacia Lingvo". Disdono de mil flugfolioj en la „Komerca Halo". Fondo de „Laborista Servo Esperantista", kies eksterlandajn sciigojn publikigas la oficiala ĵurnalo de la socialista partio. — *Győr:* Grupo refondiĝis. — *Szeged:* Vigla propagando. — *Szombathely:* Vigla vivo sub gvido de S-ro László Izsó.

## Italio.

*Bologna:* Kurso gvidata de S-ro Toschi. — *Genova:* Laborista kurso gvidata de S-ro Arabeno. — *Pisa:* Jarkunveno de la grupo, starigo de nova estraro. — *Verona:* Ĉe ekspozicio elmontro de Esp-aĵoj. Artikolo de S-ro Vaona en gazeto „Arena".

## Polio.

*Krakow:* Fondiĝis Esperanta Eldona Akcia Societo, kies celo estas ebligi la eldono de Esp-aĵoj. Informojn donas S-ro Ks. Alfus, Pedzichow 22. — *Lodz:* Regule aperas artikoloj pri Esp. en la „Neue Lodzer Zeitung". — *Siedlce:* Propagando de S-roj Pruski kaj Zegota. — *Warszawa:* Ĉe faka kunveno dediĉita al la demandoj de organizo kaj disvolvo de la scienco okazinta en la Universitato, S-ro D-ro Czibrynski proponis akcepti Esp kiel lingvo por publikigo de presaĵoj destinataj al la nepolaj sciencistoj. La propono estas submetata al la estraro. Laŭ informoj malfrue alvenintaj la movado estas vigla. Ekspozicio ĉe komerca societo. Kursoj. Gastotablo en Kafejo Blikle, Nowy Swiat 35, ĉiujaŭde je oka vespere. Socialista grupo bone laboras. Fondiĝis Gejunulara Esp. Rondo. Nova grupo en antaŭurbo Praga.

## Svedio.

*Malmö:* Bone vizitita kunveno okaze de la morttago de D-ro Zamenhof. Parolis pri lia vivo kaj verko S-ro Erik Andersson. — *Skara:* Okazis je la 7 marto kunveno de Esp-istoj de la provinco Västergötland; parolis S-ro Mitschke el Germanio pri la signifo de Esp. kaj UEA, ĝia utilo, k. t. p.

## Svisio.

*Genève:* Privat-docenta kurso supera de D-ro Privat ĉe Universitato. Kursoj de F-ino Dubois kaj S-ino Perret en knabinaj lernejoj. Fondiĝo de klubo „gimnaziano".

## Ameriko.

*Ceara* (Brazilo): Kursoj kun bona sukceso. — *Colonia Urdaniz* (Argentino): Grupo fondiĝis. — *Oakland* (Usono, Kalifornio): S-ro Brewstor F. Ames parolis al la anoj de la Frateco St. Michael. Vigla intereso. — *Rio de Janeiro* (Brazilo): Okazis ekzamenoj. Gazetartikoloj. — *Sergipe* (Brazilo): Ekzameno de lernantoj kun disdono de premioj. Kurso en la Kolegio Santa Cecilia.

## Azio.

*Formosa:* Sur tiu ĉi insulo nia movado komencas enradikiĝi. Fondiĝis grupo. — *Osaka:* Fondiĝis Japana Esperanto Instituto, kiu eldonas propagandan gazeton „Revuo Orienta". — *Shanghai:* Kurso kun 12 p. Restariĝis Ŝanghaja Esp. Asocio. — *Teheran:* Parolado kaj kurso de S-ro S. Reza Sadr ĉe Bahaj'anoj.

---

# DIVERSAĴOJ

.·. **Centrejo por Tutmonda Trafiko.** — En Düsseldorf stariĝis grandioza entrepreno, kiu ĝis nun ne havis similan en la mondo. Ĝi celas fondi centron de la komerco, industrio, tekniko, k. t. p. per daŭraj elmontroj de specimenoj el ĉiuj industrioj; granda palaco estas konstruata por la bezonataj oficejoj kaj salonegoj. La estraro montriĝas favora al nia movado, kaj intencas utiligi ĝiajn servojn. Nacilingvajn presaĵojn pri la entrepreno oni petu de Schriftstellerhaus (Presse- und Handelshof G. m. b. H.), Düsseldorf, aŭ de nia Delegito, S-ro B. Luis, Degerstrasse 43.

.·. **Esperanto en la Ĉeĥaj lernejoj antaŭ la milito.** — Enkonduki L. I. en la oficialan instruan planon de la Ĉeĥaj lernejoj ne sukcesis ankoraŭ kaj certe ne sukcesos tre baldaŭ. Sed tamen pro la oferemo de kelkaj propagandantoj sukcesis, ke Esp. estis instruita laŭ permeso de iu oficiala persono aŭ aŭtoritato en kelkaj lernejoj. Dum la milito tiu instruado ĉie ĉesis. Sed mi pensas, ke utilos al la plua propagando kaj al la fremdaj Esp-istoj resumo de la ĝisnunaj rezultatoj. Por tiu celo estas bone rimarkigi al neĉeĥaj samideanoj, ke niaj lernejoj estas kiel aliloke trigradaj, kaj ke ĉiu speco estas alie organizita kaj administrata; la permeson instrui ian novan fakon oni povas ricevi de diversgradaj aŭtoritatoj.

La vizitado de la unuagradaj aŭ popolaj lernejoj estas deviga por ĉiuj 6—14 jaraj infanoj. En ili oni povas instrui Esp. kun permeso de la distrikta lerneja konsilantaro, kiu esperebIe ofte ĝin donus, se ĝi estus petata pri tio. Sed ĉar la lernantoj estas tre junaj, oni ne tre interesiĝas instrui al ili Esp. Tial miascie oni ĝis nun nenie instruis ĝin en ili.

Post la popolaj lernejoj estas lernejoj daŭrigaj, kiuj estas en ĉiuj pli grandaj urbetoj kaj urboj, kaj kiujn devas viziti dum du senlaboraj posttagmezoj ĉiuj lernistoj de metio aŭ komerco 14—18 jaraj. Ĉe multaj tiaj lernejoj ekzistas krom tio dimanĉaj edukaj kunvenoj de la lernistoj. La vizitantoj de tiuj ĉi estas publiko pli dezirinda

por Esp. instruo. Koncernan permeson povas doni la lerneja direktoro mem. Ricevis ĝin kaj instruis en 1911 kaj 1912 H. K. Bouška, verkisto el Praha, knabojn kaj S-ino Krausová, el Praha, knabinojn. Ambaŭ kursoj estis en oficiala instrua plano, kaj la instruantoj ricevis pagon kiel la instruistoj de aliaj lernaĵoj.

La duagradaj lernejoj estas vizitataj sole de tiuj, kiuj sin enskribigis. La lernantaro estas aĝa inter 11 kaj 20 jaroj. Do ĝi estas en la plej taŭga aĝo por la instruiĝo pri nia lingvo. La duagradaj lernejoj estas duspecaj:

A. *La mezaj lernejoj* (gimnazio, realgimnazio, reala lernejo, liceo, k. t. p.). En ili povas permesi la instruadon de Esp. kiel nedevigan lernaĵon nur la landa lerneja konsilantaro. Eĉ por simpla parolado pri Esp. al la lernantoj tiu permeso estas bezona. La Moravia konsilantaro donis ĝin en 1909, kaj de tiu tempo sufiĉas simple permeso de la instituta direktoro por povi aranĝi kurson en Moravia meza lernejo. Kompreneble la kursgvidanto estas de nenlu pagata. Tiaj kursoj estis aranĝitaj en jenaj mezaj lernejoj Moraviaj:

1e *Kroměříž*, reala l. en 1909, instruis Josef Krumpholc, 45 lernantoj, la partopreno estis permesita sole al la diligentaj lernantoj. 2e *Moravská Ostrava*, reala l., el 1909, instr. Josef Krumpholc, 34 l. 3e *Moravská Ostrava*, gimnazio, en 1909, instr. Josef Krumpholc, 40 l. 4e *Litovel*, reala l. en 1909, 1910, instr. K. Urban. 5e *Telč*, gimnazio, en 1909, 1910 instr. Frant. Kasalý. 6e *Prostějov*, reala l., en 1909, instruis Rudolf Fridrich.

La Bohema lerneja konsilantaro ne estis petita pri tiu permeso; tial la direktoroj de mezaj lernejoj povis nenie en Bohemio permesi Esp. kurson. Entute estas en Bohemio 86, en Moravio 42, en Silezio 3 Ĉeĥaj mezaj lernejoj.

B. *La fakaj lernejoj* estas diversmaniere organizitaj. Iliaj gelernantoj estas inter 14—20 jaroj. La permeson por la kurso (nedeviga) povas doni simple la direktoro. Jenaj kursoj estis aranĝitaj: 1e *Prostějov*, komerca akademio, en 1910, du kursoj por 50 studentoj kaj 22 studentinoj, instr. Aug. Pitlík. 2e *Písek*, virina industria l., en 1909, F-ino F. Křivancová, 81 l. 3e *České Budějovice*, virina industria lernejo en 1910, 1911, instruis K. Svačina. 4e *Hořice*, urba komerca l. en 1913, instruis 24 l. D-ro Stan Kamaryt. En bibliotekoj por la lernantaro de preskaŭ ĉiuj duagradaj lernejoj estas lernolibro de Esp. Čejka-Krumpholc, kiun en 1912 Bohema Asocio Esp. senpage disdonis al ili. Ĉiuj lernejoj akceptis la libron, escepte 6, kiuj rifuzis ĝin per neafabla letero.

Krom la publikaj lernejoj ekzistas diversaj lernejoj privataj precipe komercaj kaj lingvaj. Preskaŭ ĉiuj komercaj kaj multaj lingvaj havas kaj havis en siaj prospektoj Esp. kiel lernaĵon. Ĝi estas ofte ĉe ili rimedo de reklamo. Sed en kelkaj oni efektive instruis ĝin nome en *Brno*, en lernejo de Získal (1907—1910) kaj en *Praha*, en lernejo de Maděra (1910 kaj 1911). En altaj lernejoj (universitato, teknika lernejo, terkultura akademio) oni ĝis nun ne instruis Esp.

Do oni vidas, ke ankoraŭ malmultaj Ĉeĥoj ĉerpis scion de Esp. el oficiala lerneja studado. Sed ankaŭ oni devas konfesi, ke tamen sukcesa komenco instrui la junularon pri la lingvo internacia en publikaj lernejoj ankaŭ ĉe ni sukcese fariĝis. Estas bezone ne resti sur tiu ĉi ŝtupo, sed peni, ke la nombro de lernejoj, kie oni instruas, pli rapide grandiĝu ol ĝis nun. *D-ro Stan Kamaryt.*

∴ **Printempa kunveno de la foiro de Lyon.** — La sesa foiro de Lyon okazinta de la 1 ĝis la 21 marto denove havis grandan sukceson. Estis mendita 3000 budoj; vizitantoj venis el 17 diversaj landoj. La mendoj faritaj estis tiom multaj, ke pluraj firmoj devis rifuzi plian akcepton. Esperanto denove estis bone reprezentita. Tio estis la kvara fojo, ke la komitato disponigis senpagan budon por propaganda ekspozicio; ĝin organizis la nelacigebla S-ino A. Farges. La budo troviĝis en la grupo 48, Fremdaj registaroj. Ĉefe oni montris la praktikajn flankojn de la movado, por komerco kaj turismo, servoj de UEA, k. t. p.; specialaj propagandaj folioj estis disdonitaj. La Delegito de UEA. S-ro L. Poncet, aranĝis kunvenon de la Esperantistoj je la 12 marto. Aperis artikoloj en la ĉiutagaj gazetoj. Informojn pri la Foiro-kunveno dum aŭtuno donas kontraŭ poŝtelspezo la Delegito de UEA, S-ro L. Poncet, Esperanto Oficejo, 36, rue Victor Hugo, Lyon.

∴ **Esperanto kaj poŝtistoj.** — En *Germanio* la reprezentantaro de la superaj poŝt- kaj telegrafoficistoj akceptis la jenan rezolucion:

„La reprezentanta kunveno deziras la enkondukon de la neŭtrala mondhelplingvo Esperanto en la internaciajn poŝt-, telegraf- kaj telefonrilatojn kaj petas la regnan poŝtministerion favori la Esp.-movadon inter la poŝt- kaj telegrafoficistoj.“ Tiun sukceson ni ŝuldas al nia samideano S-ro Rieck.

∴ **Esperantista Literatura Asocio.** — La sekretariino de tiu societo, S-ino Prof. Marie Hankel, petas nin enpresi la jenan komunikaĵon:

„Antaŭ nelonge ni perdis unu el niaj novaj anoj. Ne la morto lin forprenis el nia rondo, li estas sana kaj vigla kiel ĉiam. Ni parolas pri la fama kaj por la lingvo internacia entuziasme laboranta S-ro René de Saussure. Tiu ĉi fervora Esperantisto kaj adoranto de nia Majstro bedaŭrinde jam pli ol unu fojon provis enkonduki ŝanĝojn en nian lingvon por ĝin plibonigi. Li nun eldonis la Fundamento“ de D-ro Zamenhof en nova formo (Esperantido!) kaj per tio ofende agis kontraŭ ĉefkondiĉo de E. L. A., nome: „Fideleco al la Fundamento!“; per tio li memvole eliĝis el nia diligenta kolegaro.

„*Gazetoj:* Ĉar ĵurnaloj estas grava parto de nia literaturo, E. L. A. atente observadas la evoluon de nia gazetaro. Ĉie la grupoj reviviĝas, ĉie ankaŭ aperas kaj reaperas gazetoj. Ĉu ili estos utilaj al nia movado? Ni atentigas la Esperantistojn je du bonegaj artikoloj pri tiu ĉi temo de R. Maske en „Germana Esperantisto“; A, 3, 1914 kaj A, 3, 1919. Ni ja certe bezonas internaciajn gazetojn, sed nur malmultajn kun riĉa enhavo kaj multnombra abonantaro.

„*Novaj vortoj:* Oni estu ŝparema en la uzado de novaj vortoj. Se ĉiu verkisto kvazaŭ prove uzas nur kelkajn neaprobitajn vortojn, baldaŭ centoj, eĉ miloj da vortoj, ne troveblaj en vortaro, svarmados en gazetoj kaj libroj. Ni tion evitu!“

## TRA LA GAZETARO

∴ „*British Esperantist*“ (aprilo). Rakontoj el la Biblio. — Esperanto kaj T. S. F. D-ro Pierre Corret (19, Bd. de la République, Versailles, Francio) petas opinion de „senfadenistoj“ pri utiligo de Esp. por ŝipa telegrafio. Invitoj al Brita Esp. Kongreso Birmingham majo 21—25 kaj Belga Esp. Kongreso majo 24—25 Bruselo.

∴ „*Esperanta-Finnlando*“. Viipuri, (Viborg) la urbo de la Finnlanda Esp.-Kongreso 2—5 aprilo. — Esp. en Finnlando dum la pasinta jaro. — Koncentrigo:

„Se ni memorus en unua vico abonI la internacian organon, en unua vico fari niajn donacetojn al ĝi, en dua vico pripensus enlandajn organizaĵojn kaj la reston el nia energio kaj intereso dediĉus al la loka grupo, ni baldaŭ triumfus la venkon de nia idealo“. Prave la aŭtoro de tiu ĉi artikolo V. S. konsilas, ke naciaj Esp. gazetoj enpresu Esperante la nacian kronikon por ke alilandaj organoj povu elĉerpi. Nacilingve oni presu preferinde la eksterlandan kronikon por montri al ne Esp. legantoj la progresojn de la movado en la mondo.

Renkontiĝo inter vagonaro kaj Boaca karavano. — Literaturo: La Paco. Laŭdo al Melankolio.

∴ „*Franca Esperantisto*“ (1 aprilo). Nove reaperanta sub gvidado de Th. Cart, Grosjean-Maupin, de Lajarte, S-ino Cense kaj Dauphin, sekretario. „Al Francaj Esperantistoj“ Generalo Sébert kaj Prof. Cart:

„Koncerne nin, Francojn, la oficiala lingvo de la S-to de Nacioj povus esti nur la Franca, eminente diplomatia lingvo, sed, se ni rajtas postuli ĝian alprenon, ni devas tamen klopodi por akceptigi apud ĝi Esperanton kiel helplingvon.“

Al tio la Britoj kaj Nordamerikanoj povus prave respondi, ke la angla lingvo *fakte* fariĝis la reganta lingvo ĉe la Packonferenco, kiel sprite ĝin atestas S-ro Archdeacon en posta artikolo: „Al laboro.“ Se naciaj lingvoj batalus inter si por internacieco, la Angla venkos la Francan pro la nombro. Tial sen timemo ni antaŭenpuŝu neŭtralan Esperanton.

.·. *„Germana Esperantisto“* (marto/aprilo) Esperanto kaj Militkaptito: Gustav Scholze rakontas valoran homan helpon de nia lingvo, kiu ebligis interfratiĝan kaj moralan savon en Ĉita, kie Esp-istoj vizitis kaptitajn samideanojn. Miaj travivaĵoj en Rumanlando: simila rakonto de C. Ostermann. Samideaneco? M. Mielert plendas, ke Germanaj geknaboj ricevas de Francaj Esp-istoj rifuzojn je korespondado, dum ili frate interŝanĝas poŝtkartojn kun Angloj kaj Belgoj. Liberaj Horoj: Maljuna Gottlieb, Patrino kaj filo, Kotzebue kaj lia mortiginto Sand.

.·. *„Le Travailleur Esperantiste“* (majo). Esperanto en Rusaj lernejoj. Letero de l' Franca verkisto Romain Rolland:

„Brave pri la novaĵo! La ĵusa decido de la Sovjeta registaro por deviga instruado de Esp. en ĉiuj rusaj lernejoj estas historia okazintaĵo, kies sekvoj estos grandegaj. Ĝi estos farinta por la homa Internacio pli ol ĉiuj teoriaj disputoj kaj partiaj interbataloj, je kiuj okupiĝas Okcidenta socialismo.“

Nova Gazeto:

.·. *„Kristana Espero“*. Trimonata kristana revuo por enkonduko de Esp. al la servo de kristanismo, kristanesocia laboro, pacifismo, antialkoholismo kaj higieno. Formato 16 × 22½ cm. 32 paĝa. Jarabono: 5 Svisaj frankoj. Redakcio: Ĉefpastro H. Pätiälä, verkistino Hanna Raŭta kaj sekretario Hugo Salokannel. Adreso: Laihia, Finnlando (Suomi).

El la enhavo de l' unua numero: Al estimata leganto. Ĉi-tie. Prediko. Diversaj artikoloj en Esp. kaj Finna lingvoj, precipe atestoj de pekuloj savitaj al nova vivo per Kristana konvertiĝo. — La vojaĝado de du Finnoj al Pariza kongreso. Entute interesa kaj tre bone redaktata gazeto.

Aliaj gazetoj ricevitaj:

.·. *„Amerika Esperantisto“* (jan. febr.), *„La Revuo Orienta“* (jan.), *„Argentina Esperantisto“* (jan.), *„La Esperantisto“* (marto), *„Svisa Espero“* (apr.), *Fluganta Skribilo“* (marto), *L' Esperanto“* (febr.), *Verda Ombro“* Taihoku-Japanio (jan.), *Hungara Esperantisto“* (marto), *„Brazila Esperantisto“* (okt. dec. 19), *Internacia komerca Revuo“* (feb.), *„Nederland-Esperanto“* (marto), *„Bulteno de la kataluna Esp. federacio“* (nov. dec. 1919), *Monata Bulteno de Aplech Esp. Grupo“* (15 marto), *„Espero Katolika“* (marto).

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en junio 1920).*

**Kotizaĵoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto *(ricevas la gazeton): 12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

---

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj*

Dua serio

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 300 |
| 2. S-ro Chas S. Taylor, Haverford, Zenn . . . . . . | 300 |
| 3. S-ro Odiorne-Gleason, Worcester, Mass. . . . . . . | 300 |
| Frankoj | 900 |

Ni esperas, ke niaj amikoj loĝantaj en landoj kun favora kurzo sekvos la bonan ekzemplon de la tri unuaj garantiantoj de la dua serio.

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 2220 kotizaĵoj (el kiuj 693 membroj, 1473 membroj-abonantoj kaj 54 subtenantoj). Krom tio estas 220 dumvivaj membroj. Sume: 2440. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 66.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato marto:

Ricevitaj: 644. — Forsenditaj: 1011. — Tuta sumo: 1685. (Antaŭa monato: 2462.)

**Subtenantaj membroj.**

*Kvina listo:*

50. G. Kyffin-Taylor, Pendleton (Anglio). — 51. D. Aznar Casanova, Cuevas (Hispanio). — 52. A. W. Thomson, Bexleyheath (Anglio). — 53. J. H. Wright, Manchester. — 54. L. Altmann, Tallinn (Estonio).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Aachen* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Victor Pinagel, Lüttichstrasse 38.

*Avignon* (Francio, Vaucluse). — D.: F-ino Marie Rousset, 6, route de Marseille.

*Balaton* (Usono, Minnesota). — D.: S-ro Albert Peterson, terkulturisto, Route 4, Boxe 68.

*Cádiz* (Hispanio). — D.: S-ro Luis Flórez, artileria kapitano. Comandancia de artilleria.

*Canicatti* (Italio, Girgenti). — D.: S-ro Palermo Calogero, 27, via Vicolo S. Rosalia.

*Crauglio p. Aiello* (Italio, Venezia-Giulia). — D.: S-ro Virgilio Foschian, lignaĵisto.

*Deventer* (Nederlando). — D.: S-ro Gerard Metz, Spaarpotstraat 14.

*Dublin* (Irlando). — D.: S-ro James A. Meagher, advokato, 12, Westmoreland St.

*Gablonz a. d. Neisse* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Hermann Röhlich, frizisto, Gebirgsstr. 42. VD.: S-ro Ferdinand Merganz, librotenisto, Mühlfeldgasse 15.

*Gibraltar.* — S-ro Charles J. Edwards, 273, Main St.

*Goldenöls bei Trautenau* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Franz Mayer, jun.

*Kempten i. Allgäu* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro Max Schrank, fervojoficisto, Bismarckstr. R. 220/I.

*Luopioinen* (Finnlando). — D.: F-ino Eilo Martta.

*Mähr-Neustadt*, Unĉov (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Fiŝa, studento.

*Münster i. Westf.* (Germanio). — D.: S-ro Otto Marquard, zoologisto, Industriestr. 26.

*Pleven* (Bulgario). — D.: S-ro Angel S. Simeonov, studento, Poltava 8.
*Purley* (Anglio, Surrey). — D.: S-ro Frederick Goodliffe, sekretario, Lamley Lodge.
*Razgrad* (Bulgario). — D.: S-ro Ivan Nenov, advokato.
*Seattle* (Usono, Washington). — D.: S-ino Luella Hurd, 4222, Wallingford Av.
*Sens* (Francio, Yonne). — D.: S-ro Gustave Malot, bankoficisto, 10, r. Jacques Taveau.
*Southport* (Anglio, Lancashire). — D.: S-ro G. W. Iddon, ferajvendisto, 26 Kent Rd. Birkdale.
*Tarare* (Francio, Rhône). — D.: S-ro Emile Cherblanc, ĉefsekretario de la Kom. Ĉambro.
*Uusikaupunki* (Finnlando). — D.: S-ro Jorma E. Partanen.
*Wegstädtl a. E.* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Josef Kratzik, fervojisto.
*Wilna* (Polio). — D.: S-ro K. Gerŝater, I. Radúnska 23.
*Winnipeg* (Kanado, Manitoba). — D.: S-ro Henry E. Himmelman, naturkuracisto, 363, Charles St.
*Wurgwitz* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Kurt Wagner, seruristo, N. 5. K.
*Zwolle* (Nederlando). — D.: S-ro J. Kromme, Molenweg I. 68.

Ŝanĝoj:
*Alagoinhas* (Brazilio, Bahia). — VD.: S-ro José Militão dos Anjos, komercoficisto, av. Severino Vieira.
*Brno* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro Vincenc Kroužil, inĝeniero, Průmyslová škola.
*Brüx* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro V. E. Hràbak, mineja oficisto, Schulgasse 9/I.
*Dijon* (Francio, Côte d'Or). — D.: S-ino Louis Petit, 33, rue Chabot Charny.
*Gent* (Belgio). — VD.: F-ino Eugénie Colyn, 153, bd. de Plaisance.
*Grenoble* (Francio). — VD.: S-ro Joseph Ledoux, muzikisto, 28, pl. des Alpes.
*Hamburg* (Germanio). — D.: S-ro Alberto Hoffmeister, komercisto, bei P. Marshall. XI. Bäckerstr. 24.
*Madrid* (Hispanio). — D.: S-ro Sidonio Pintado, instruisto, Bailén, 28, Grupo Escolar. — VD.: S-ro Indalecio Rosch, Camino Bajo de San Isidro 2 Pral.
*Roma* (Italio). — VD.: S-ro Piero Tagliacozzo, studento, via 26 Ulpiano.

# Esperantista Parolejo

## Pri estonta kongresurbo

Dum aŭgusto 1920 en Hago okazos la unua postmilita kongreso. Tiu kongreso havos grandajn taskojn por plenumi: ĝi devos montri, ke, malgraŭ cirkonstancoj plej malfavoraj al ĉiuj internaciaj movadoj, sekve ankaŭ por nia, nia kara ideo ne mortis. Ĝi devos montri, ke ĉiulandaj fervoruloj ne forlasis sian verdan steleton kaj restis fidelaj al ideoj de nia neforgesebla Majstro. Ĉiuj, eĉ ne Esperantistoj, bone komprenas, ke dum la milito la internacia agado estis aŭ tute malebligita, aŭ almenaŭ grave haltigita en sia disvolvo; ĉiu komprenas, ke multaj Esperantistoj estis vokitaj militservi kaj multaj el ili pereis; ĉiu ankaŭ komprenas, ke internaciaj rilatoj devis esti malhelpitaj per la fermo de interŝtataj limoj. Sed estas multe da personoj, kiuj pensas, ke ĉi-tiu milito estis la plej granda malvenko de ĉiuj internaciaj movadoj. Ili estas konvinkitaj, ke nia dummilita dormo estos eterna. Por ĉi-tiuj homoj, estonta kongreso devos montri, ke ili eraras.

Tial la unua postmilita kongreso havos grandan signifon komparebla nur kun tiu de la unua Esp. kongreso en Boulogne sur Mer. Pro tio do estos treege dezirinda, ke ĝi estu kiel eble plej multenombra kaj ke nepre estu reprezentotaj la plej multaj nacioj de la terglobo. Sed, ĉu tio okazos? Bedaŭrinde, mi dubas. Mi eĉ esta certa, ke ĝi ne atingos la multenombrecon de antaŭmilitaj kongresoj. Kaj tio estas facile klarigebla. Nun mi eĉ ne pensas pri niaj Rusaj samideanoj. Ilia ĉeesto estas tute neebla. Sed ankaŭ forestos Poloj, forestos Ceĥoj, Serboj, Bulgaroj, Rumanoj, Hungaroj, anoj de novaj Baltaj ŝtatoj, k. t. p.

En ĉiuj suprecititaj ŝtatoj estas tre malfavora valuto. Sufiĉos, ekzemple, diri, ke unu franca franko valoras 12 Polajn markojn, kaj unu Svisa franko eĉ 25 P. M. Tiamaniere la vojaĝo de Varsovio ĝis Parizo kostas 6000—7000 P. M. kaj mezaj monataj enspezoj de ŝtatoficistoj, instruistoj, profesoroj k. t. p. estas 2000—3000 markoj.

Ĉu ili povos veturi Hagon? Ne. Sekve la nunjara kongreso estos nemultenombra. Sed la kongresurbo estas jam elektita, la antaŭkongresaj laboroj estas jam komencitaj, la ŝanĝo de kongresloko estas do neebla.

Tamen mi pensas, ke miaj rimarkoj ne estos tute neutilaj al tiuj, kiuj elektos la kongresurbon por 1921. Al ili mi turniĝas kun alvoko elekti unu el urboj de ŝtatoj, kiuj havas malaltan monunuon. Plej bone estus organizi kongreson en Varsovio, kie nia Majstro laboris, kie li vivis, mortis kaj estis enterigita. Bedaŭrinde mi ne kredas, ke tio estos farebla. Ni ne finis ankoraŭ la militon, kaj se dum la jaro la politika situacio ŝanĝiĝos, eĉ tiam ni verŝajne ne povos preni sur nin tiel gravan taskon. La milito tro domaĝis nian vivon ĝenerale, kaj precipe nian Esperantistan vivon.

Mi tamen pensas, ke niaj Bohemaj samideanoj povus organizi kongreson en 1921. Ili jam ne militas kaj la Esperantista movado ĉe ili estas tre vigla. Krom tio Praha, kiun mi proponas kiel kongresurbon, estas en centro de Eŭropo kaj tiamaniere facile kaj malmultkoste atingebla de diversnaciaj samideanoj. Konante la fervoron de Bohemaj Esperantistoj, iujn el kiuj mi konas persone, mi esperas, ke ili prenos sur sin tiun gravan taskon, kaj ĝin bonege plenumos. Tiu kongreso povus do esti tre multenombra, povus superi la multenombrecon de antaŭmilitaj kongresoj kaj esti vere internacia, bonega montrilo de nia disvastiĝo.

Fine mi proponas, ke oni ne starigu tuj je la komenco de la kongreso lokon de la sekvonta. Ĉe la fino de l'jaro estos ankoraŭ sufiĉe da tempo, kaj dum kelkaj monatoj multo povus ŝanĝiĝi.

*Vladislavo Mergel* (Varsovio).

La supra propono estas atentinda. Se la situacio de orienta Eŭropo estas tiam pliboniĝinta, kongreso en Praha certe estus vizitata de multaj personoj kaj havus gravan efikon por la disvastiĝo de nia lingvo ĉe la orientaj popoloj de Eŭropo, al kiuj ĝi estas tiel necesa. — *(Red.)*

## Al Esperantistaj oficistoj kaj oficistinoj

Konsiderante, ke la ĉiufaka oficistaro (komerca, industria, banka, k. c.) multe povas helpi la disvastigon de Esp. precipe en la komerco kaj industrio, ke por plej bone atingi nian celon ni devas interesi la ĉiulandajn oficistajn societojn, ke aliflanke la Esp. oficistoj devas uzi Esp. por internacie pritrakti, ekster ĉia religia kaj politika demando, la moralajn kaj materiajn interesojn de sia profesio, mi opinias, ke estas necese, fondi internacian societon de Esp. oficistoj kaj oficistinoj.

Ĉiuj interesuloj bonvolu kiel eble plej baldaŭ skribi al mi, por ke mi povu prepari la aranĝon.

*A. Oberrotman,*
Krak. Przedm. 10—13, *Varsovio.*

## Popolaj Universitatoj

La direktantaro de la Popola Portugala Universitato deziras ricevi per Esperanto informojn el ĉiuj landoj pri popolaj universitatoj, bibliotekoj, kinematografoj, kursoj, revuoj, lumbildoj, filmoj naturaj kaj sciencaj. Montru, ke Esp. jam taŭgas por la rilatoj inter la popoloj kaj sendu informojn al Portugala Esp. Socialista Asocio, 150, R. do Bemformoso, Lisbono.

## Enketo pri arta edukado

La gazeto „Věstnik", organo de la organizita instruistaro en Moravio (Ĉeĥoslovakio) volas aranĝi per Esperanto internacian interŝanĝadon de pensoj pri la kreaj laboroj de la infanoj. La enketo rilatos ĉi tiujn fakojn de la arta edukado: 1e desegnaĵoj de infanoj; 2e desegnaĵoj laŭ la naturo; 3e dekoraj desegnaĵoj; 4e modelaĵoj; 5e manlaboraĵoj; 6e ludiloj fabrikataj de infanoj; 7e marioneta teatro; 8e stilaj laboroj.

La sekvantaj demandoj estas pritraktotaj;

1e Kiel la infanoj montras sian krean kapablecon en la nomitaj fakoj de arta edukado?

2e listo de arta pedagogia literaturo de la koncerna nacio;

3e akiro de ĉi tiu literaturo;

4e traduko de la ĉefaj verkoj pri tiu temo;

5e interŝanĝo de kreaj laboroj de infanoj;

6e kiel la registaro subtenas la artan edukadon de la infanoj;

7e ĉu la lernejoj estas aranĝitaj, por ke ili subtenu la artan edukadon? Priskribo de la interna aranĝo de la klasoj;

8e proponoj pri la plibonigo de arta edukado.

La rezultatoj de ĉi tiu enketo estos publikigataj en fakaj Ĉeĥaj gazetoj.

Ĉiuj interesuloj dezirantaj pluajn informojn bonvolu sin turni al S-ro Jan Šembera, faka instruisto, Francouczka 72, Brno (Ĉeĥoslovakio).

## Oni petas!

.˙. *Al instruistoj!* — S-ro W. H. Mook, Kloosterstraat 29-a, Groningen, Nederlando, petas alilandajn kolegojn komuniki al li la salajrojn pagatajn al instruistoj kaj instruistinoj.

.˙. *Al poŝtmarko-kolektantoj!* — La plej granda Hungara poŝtmark-Asocio interesiĝas por Esperanto kaj volas ĝin praktike uzi, se ĝi konstatas ĝian disvastiĝon. Bonvolu do sendi demandojn pri poŝtmarkoj al Asocio por trafiko inter amatoroj, Budapest V. Vigadó u. 5, I. (Hungario).

.˙. *Al framasonoj!* — Ĉiuj Esperantistaj framasonoj estas petataj sendi siajn adresojn al S-ro C. Barthel, Wöhlerstrasse 14, Frankfurt a. M., Germanio, por eble aranĝi kunvenon dum la XII-a kongreso kaj por aliaj informoj.

.˙. *Al Socialistoj.* — La Portugalaj socialistoj deziras koni la sintenadon de alilandaj socialistoj rilate la partoprenon en burĝaj registaroj kaj petas informon laŭ la sube montritaj punktoj: 1. Kia estas via opinio kaj tiu de la socialistoj de via regiono pri la partopreno en burĝaj registaroj? 2. Ĉu la socialistoj devas ĉesigi la klasbatalon por kunlabori kun la „burĝoj"? 3. Ĉu la kunlaboro de socialista malplimulto en „burĝa registaro" povos alporti kelkajn profitojn por la proletariaro? 4. Ĉu en via lando socialistoj estis aŭ estas ministroj? Kiam? Kial?

La respondoj plejeble portu la stampon de loka socialista organizajo. Oni adresu ilin al S-ro J. Pereira Junior, Rua das Olarias 70—4º D, Lisboa (Portugalio).

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *R. Maraury*, en Huesca, dankas la samideanojn de la grupo „Frateco" en Zaragoza kaj al tiea Del., S-ro Maynar, pro afabla akcepto.

.˙. S-ro D-ro *Emil Pfeffer*, membro el Wien, dankas al S-roj H. Kürsteiner, Del. en St. Gallen, kaj Egg en Baden pro valoraj malegoiste plenumitaj servoj.

.˙. S-ro *Hilarius Sakarias*, el Tallinn (Estonio), dankas S-ron Jalava, Del. de UEA en Helsinki, pro grava serva, havigo de scienca artikolo kaj ĝia traduko.

.˙. S-ro *A. L. Vinzent*, Del. de UEA, esprimas sian dankon al: F-ino Martha Rabe, Vicdel. en Berlin, F-ino Yvonne Thooris, Del. en Bruges, kaj S-ron Sakamoto, Vicdel. en Shizuoka, por afable plenumitaj servoj.

.˙. S-ro *Inĝeniero Scholz*, Del. en Postrum, dankas al S-ro Dick, Del. en Yokohama, S-ro Hetzel, Del. en Philadelphia, pro afabla perado de letero al amiko en Ĉita.

.˙. S-ro *J. C. Faraker* kore dankas S-ron Poncet, Del. en Lyon, por afabla helpo dum vizito, okaze de la foiro.

.˙. S-ro *Sebastian Chaler*, en Tarrasa dankas S-ron B. Kötz, Del. en Leipzig, por plenumita servo.

.˙. S-ro *Paulo Balkanyi*, Del. en Budapest, kore dankas la jenajn personojn pro valoraj servoj plenumitaj: S-rojn J. L. Bruijn kaj Meyer, en 's-Gravenhage, S-ron Applebaum en Liverpool kaj S-ron Maraury en Huesca.

.˙. S-ro *Ragno v. Rian*, Del. en Trondhjem, esprimas koran dankon al S-ro Arthur Zabel, Ges-roj Kötz en Leipzig, F-inon Gretel Schwalbe en Eisenach, Ges-roj Nicolai en Dresden pro ilia boneco kaj helpemo dum vojaĝado en Germanio.

.˙. S-ro *S. Kaplan*, membro el Bialystok, kore dankas S-ron Frans Schoofs, Del. en Antwerpen, por rapide donita informo.

.˙. S-ro *Adolf Oberrotman*, Del. en Warszawa, kore dankas al S-roj Bonde, Del. en Falun, Vaughan, en Osaka, Landin en Stockholm, S-ro Oscar Büneman, Hamburg, Fritz Hirzel, Zürich pro gravaj kaj rapide donitaj informoj.

.˙. La *C. O. de UEA* kore dankas por afabla donaco de kelkaj interesaj libroj mondlingvaj senditaj de S-ro C. Barthel, Frankfurt a. M.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Baronnet*, Del. de UEA en Rosnay (Francio), naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Ueltschi*, St. Gallen (Svisio), naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Frank C. Rhodes*, Del. de UEA en Keighley, naskiĝis filo, kiu estas la plej juna membro de UEA.

**Fianĉiĝoj.** — F-ino *Hertha Salzbrenner*, filino de nia Del. en Seelingstädt, kun S-ro *Max Barth*.

S-ro *Frederiko Krejĉi*, Del. de UEA en Graz, kun F-ino *Anjo Kunter*.

S-ro *Georg Alleze*, membro el München, kun F-ino *Emma Hoffmann*.

S-ro *Hans Stahl*, membro de UEA en Marburg a. d. L., kun F-ino *Martha Seiler*.

**Edziĝoj.** — F-ino *A. Hrdinova*, Del. en Příbram (Ĉeĥoslovakio), kun S-ro *Černohorský*.

S-ro *Gottlieb Graf*, Del. en Turgi (Svisio) kun F-ino *Oberli*.

S-ro *Jakob Ŝapiro*, Del. de UEA en Bialystok kun F-ino *Eva Hepner*, Esp-ino el Lodz.

S-ro *Vladimir Kharachnik*, membro de UEA en Lyon, kun F-ino *Gaillard*.

Okaze de mia edziĝo mi ricevis de multaj flankoj bondezirojn kaj gratulojn; ne povante ilin respondi individue, mi esprimas ĉi tie al ĉiuj sendintoj sinceran dankon. *Hans Jakob*, sekretario de la C. O. de UEA.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**D-ro Breiger.** Malnova membro de la „Rondo de la 11" en Berlin. Li aplikis Esperanton en sia fako, eldonante antaŭ kelkaj jaroj la broŝuron pri la speciala kuracmetodo „Altmontarsun-Bano". Li atingis aĝon de 67 jaroj.

**John Clement,** membro de la Bostona Societo.

**Alipio Dorea,** Del. de UEA en Rio de Janeiro, direktoro de Kolegio.

**Giuseppe Ipavitz,** Del. de UEA en Gorizia (Italio).

**D-ro George Mc Closkie,** profesoro ĉe la Princeton University, unu el la unuaj adeptoj en Usono, mortis 85-jara.

**Zuzartino de Oliveira Cesar,** el Aracaju (Brazilo), mortis dum oktobro pasinta jaro en Bahia.

**D-ro Rudolf Rajczy.** Multaj Esperantistoj vizitintaj la kongreson en Bern rememoras tiun simpatian Hungaran samideanon, kiu nun ankaŭ forlasis la teron. Sincera amiko de nia movado li multe klopodis en urbo Debreczen kune kun Prof. Török. Ano de diversaj movadoj li efike okupiĝis interesigi siajn kunbatalantojn pri la valoro de internacia lingvo. Li posedis talenton de oratoro kaj ricevis dum la kongreso en Bern, dum konkurso, premion. Dum la sovjeta reĝimo oni konfidis al li altan oficon ĉe la sekcio por kontraŭbatalo de la alkoholismo. Sekve de kalumnio li estis arestita, kaj grava malsano en la pulmoj atakis lin. La senfundeco de la akuzoj evidentiĝis, kaj oni liberigis lin, sed jam tiom malsana, ke nenia espero restis, lin savi. Li mortis nur 33-jara, postlasante junan edzinon kaj du ĉarmajn infanetojn. Ĉe la tombo S-ro Paul Balkanyi esprimis varmajn vortojn en la nomo de Esperantistaj Organizaĵoj Hungaraj kaj UEA.

**Pastro Charles J. Senior, M. A.** Entuziasma malnova samideano, kunfondinto de la Eklezia Ligo; li estis 76-jara.

**Pastro Arthur P. Southee.** Maljuna fervora pioniro en Folkestone, kie li partoprenis ĉe la aranĝo de l' vizito de D-ro Zamenhof. Li mortis 79-jara.

**Majoro Yemans.** Kun malĝojo ni ekscias la morton de tiu ĉi samideano. Kiel kuracisto en la Usona armeo li multe vojaĝis kaj ĉie vizitis la Esp. Al liaj klopodoj oni ŝuldas la sendon de oficiala reprezentanto de la Milita Departemento Usona al la 4ª Kongreso en la persono de majoro Straub.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Maja raporto*

Nia unua vorto estu dediĉita al la altŝatata prezidanto de UEA, kies subita morto nin profunde doloris. Tiom volonte li malfermis la kolonojn de sia gazeto al niaj raportoj! Ankoraŭ la 18 februaro ni ricevis de li afablan leteron pri akcepto de kotizaĵoj por nia Asocio. Kune kun la tuta Esperantistaro ni funebras pro tiu ĉi kara kaj agema samideano.

Nia kolego J. Ŝapiro, Bialystok, Lipowa 33, aperigis en „The Esperanto Monthly" artikolon pri la naskiĝurbo de la Majstro. Li nun komencis la tradukon de granda Rusa romano: *„La Juneco"*, de E. Ĉirikov (nuntempa Rusa konata verkisto).

S-ro Paul Bennemann estas nun tradukanta la novelon de Eichendorff: *„Aus dem Leben eines Taugenichts"*, du trionoj jam estas finitaj. S-ro Wuester, Berlin-Charlottenburg, Berlinerstr. 23, ankaŭ tradukis *„La kantistino"* de Hauff. Vidu la anoncon en la Marta Raporto, ke la Breslaŭa grupo (adr. Julie Wolfson, Augustastrasse 35) tradukis ĉi tiun verkon. La du tradukintoj interkonsentos pri la afero.

Niaj novaj kolegoj ankoraŭ estas malcertaj pri la reciproka helpo laŭ nia regularo. La kolegaro nur promesis legi kaj kontroli manuskriptojn de presotaj libroj kaj broŝuroj. Malgrandajn artikolojn aperontajn en gazetoj la redakcioj ja mem korektas. Tamen laŭ speciala deziro, E. L. A. subskribas per sia rekomendo ankaŭ tiajn artikolojn. Ĉeftasko nia estas eviti naciismojn (idiotismojn) kaj ne ĉie komprenotajn esprimojn en libroj, kiuj trairos la mondon. Ĉu por la alia celo la „Korekta Klubo" jam ne ekzistas? Ĝi estus rekomendinda entrepreno.

Alia demando, ĉiam denove esprimata estas, kiajn verkojn oni devas traduki. E. L. A. ne povas proponi tiajn librojn, ĉiu verkisto elektu tion, kio ŝajnas al li taŭga. Ni nur povas ripeti la konsilon de la Majstro, kiu deziris, ke oni nur traduku altvalorajn verkojn, librojn indajn esti legotaj de la tuta mondo. La originalo havu universalan, kvazaŭ eternan valoron.

Krom tio estas dezirinde, ke nuntempa verkisto eldonu sian verkon samtempe en sia nacia lingvo kaj en Esperanto.

Fine ni ĝentile petas la kolegojn, ke ili montru sian intereson, sendante leterojn kun sciigoj kaj demandoj al la administrejo.

*Marie Hankel,* Nicolaistr. 18/II, Dresden-A.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F.M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).

**Wien.** — S-ro Frederiko Molnár, inĝeniero, IX/4 Währingergürtel 162, PI, PM, L (pri elektrotekniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).

### Belgio

**Bruxelles.** — S-ro Victor Lamberts, termezuristo, 27, Rue de la Rivière, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.

**Bruxelles.** — S-ro Jean Neybergh, 151, Ave. de Jette, L, PI, PM.

**Casteau lez Mons.** — S-ro D-ro N. Botte, militista kuracisto, PM, k. ĉ. l.

### Britio

**Colne** (Lancashire). — S-ro W. H. Cocks, 97, Keighley Road, PI (tipaj regionaj vidindaĵoj kaj vestaĵoj, k. ĉ. l., aĉetas stereoskopaĵojn).

**Guernsey** (Channel Islands). — F-ino Baxter, „Strathearn", York Avenue, petas informon pri S-ro Renato Samblich, inĝeniero de la Assicurazione Generale, Trieste.

**London.** — S-ro Peaech, 36, Church Road N. 1., L (k. ĉ. l. bolŝevistoj).

**London.** — S-ro P. H. Lewis, 45, Lausanne Road, Hornsey N. 8., PI, gaz., sigelmarkojn.

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro Frantisek Laska, Hutteruv ryb. 3, PI, bfl, PM (Aŭstriajn kaj Ĉeĥosl. militajn PM).

**Černy Kostelec.** — Gelernantoj de la supera elementa lernejo, 14—15 jaraj (kun gelernantoj en ĉ. l.; ili ĉiam respondos). Adresu al S-ro B. Ludvik, odbor. učitel (faka instruisto).

**Hradec Kralóvé.** — S-ro Emanuel Jelínek, Ŝafaríkova 511, PI, bfl, L.

**Jicín 35.** — S-ro J. Kavapil, studento, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.

**Jilemnice 306.** — S-ro Josef Kavan, PM, k. ĉ. l.

**Kladno.** — S-ro Otomar Koči, Tyrsova 983, PI, PM, papermonon, k. ĉ. l.

**Kladno.** — S-ro Jaromir Skarda, Palackeho 1568, PM.

**Moravany.** — Bohema Esperanto Servo, PI, Esp-aĵojn, kolektas adresojn.

**Olomouc.** — S-ro Jaromir Bily, gimnaziano, Nova Ulice Schillerova str. 155.

**Olomouc.** — S-ro Zdenek Blazek, gimnaziano, Nova Ulice Müllerova str. 266, PI, PM.

**Olomouc.** — S-ro Bohus Ŝmirk, gimnaziano, Novosady, PI, PM.

**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl, k. ĉ. l. (peras komercajn rilatojn).

**Pardubice.** — S-ro Daniel Ladislav, Hronovicka 640, L, PI, bfl (kun novaj ŝtatoj kaj ekster-Eŭropanoj), salutas antaŭmilitajn korespondantojn.

**Pardubice.** — S-ro J. Pavel, Wilsonova 67, PM.

**Pardubice.** — S-ro E. Udrzal, Smetanovo 55, PM.

**Praha-Bubenec 113.** — S-ro Roto Kominek, PI, PM.

**Zvolen.** — S-ro Frant. Baliček, instruisto, PI, nacilingvaj gazetoj ilustritaj.

**Zvolen.** — S-ro Artur Kobsa, oficisto, PI (kun fraŭlinoj).

## Estonio

**Tarto** (Dorpat). — S-ro Rudolf Lellep, soiavälⁱ haigemaja II, Pl, bfl.

## Finnlando

**Heinola.** — S-ro Weijo Cederblad, L.
**Heinola.** — S-ro Assar Ernst Asplund, L.
**Helsinki.** — S-ro A. Pullinnen, Johannesentie 8, PM, k. ĉ. l. (sendu rekomendite)
**Helsinki.** — S-ro Aarne Selinheimo, Konstantinink. 25, Pl, L, k. ĉ. l. (kun pacifistoj)
**Helsinki.** — F-ino Irja Selinheimo, Konstantinink. 25, Pl, L, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Väinö Kinnunen, Vuorimiehenk. 33, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Eino Enegrén, Mikonk. 22, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Eero Saiola, Kauppiask. 6, Pl, L (ne PM!), k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Emil Pipatti, Ruoholahdenk. 5, L, Pl, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ino Olga Laurila, Punanotkonk. 4, L, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ino Hilja Arima, Uudenmaank. 29, L, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro H. E. Kollnen, Lapinlahdenk. 10, Pl, L, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Eino Stäkangas, St. Teatterikuja 3, PM, Pl, L, k. ĉ. l.
**Lappeenranta, Mustola.** — S-ro V. Kankkunen, suboficiro, pri ĉiuj temoj, L, Pl, PK, PM, k. ĉ. l.
**Raumo.** — S-ro M. Nordlund, PM (kun kolektantoj en Kroatio, Serbio, Bulgario, Montenegro kaj Turkio. Ne sendas unue).
**Riihimäki.** — S-ro M. Vuorenhaltia, PM.
**Sveaborg.** — S-ro E. Mansikka, studento, L, PM, pri lingvo internacia, vendas Esp-ajojn, kolektas Esp. sigelmarkojn, Pl (nur ekster-Eŭropaj).
**Viipuri.** — S-ro O. Kortelainen, Uudenportinkatu 7, interŝanĝas Esp. ŝlosilojn, k. ĉ. l.
**Viipuri.** — S-ro Outo Sarpio, Likolampi Siimeskatu 1, Pl, PM, bfl.

## Francio

**Besançon.** — S-ro Raoul Bretillot, 70, Grande Rue, L, Pl (precipe kun ne-Eŭropanoj).
**La Varenne-St-Hilaire** (Seine). — S-ro Louis Prévot, Del. de UEA, 70, Boulevard de Champigny, PK, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Lyon.** — S-ro Sweiker, tornisto-meĥanikisto, 161, cours Emile Zola, deknaŭ-jara, PK, L.
**Lyon.** — S-ro W. Kharachnick, inĝeniero, 5, Quai Perrach, L (pri teknikajoj), Pl, PM, k. ĉ. l.
**Lyon.** — S-ro Henry Nicollet, 31, Rue de la Thibaudière, Pl, k. ĉ. l.
**St-Omer** (Pas-de-Calais). — S-ro Fauquette, élève au lycée, Pl, PM (kun novaj ŝtatoj en Eŭropo).

## Germanio

**Dresden N.** — S-ro Walter Unruh, inĝeniero, Kurfürstenstr. 9, L, Pl, PM, sigelmarkoj Esp.
**Elberfeld.** — F-ino Margarete Camphausen, Poststr. 11, L, Pl.
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esp-istoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).
**Hamburg 11.** — S-ro A. Hoffmeister, ĉe P. Marschall, Gr. Bäckerstrasse 24, L, Pl, bfl, k. ĉ. l.

## Hispanio

**Barcelona.** — S-ro Vicens F. Bort, muzikverkisto, Gran Via Diagonal 552-2, L, PK (koresp. Angle, Germane, France, Esperante).
**Barcelona.** — S-ro Domingo Albert, 127, Muntaner (Pintos), PK (tuj respondas).
**Huesca.** — S-ro Roberto Maraury, 8, Sto. Domingo (politikajn, komercajn aŭ artajn Anglalingvajn gazetojn — reciprokas per Hispanaj).
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Pedro Naranjo Martiner, 10, Avila, Pl, PM.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Antonio Valle, ĥirurghelpanto, Pl, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Lorenzo Vazquez, deknaŭ-jara, Esp-ista Grupo, Pl.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Manuel Pastoriza, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Francisco Hernaudez, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Gabriel Perez, Pl, bfl (kun samideaninoj), k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Manuel Barrera, Pl, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Nicolás Martinez, Pl, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Jerez de la Frontera.** — S-ro Manuel Puyol, Pl, k. ĉ. l. (ĉiam tuj respondos).
**Jerez de la Frontera.** — S-ro José Jaen, 18, Cerro Fuerto, Pl, PM.
**Madrid.** — S-ro Francesco Saez, Calle Paseo del Rey Edificio B-2º, Pl, k. ĉ. l.
**Valldemosa** (Mallorca) — S-ro José Giménez, kuracisto, PM, Pl, k. ĉ. l.

## Hungario

**Budapest.** — S-ro Totsche Lajos, studento, IV. Vaci utca 79, L (kun junuloj pri seriozaj temoj).
**Budapest.** — Aladár Bán, VII, István ut. 28, I, 9, ĥemiisto, literatura verkisto, precipe kun samfakuloj, L, PK.
**Budapest.** — S-ro Georgo Ungar, VI, Revay u. 24, L, Pl, PK (k. ĉ. l. gejunuloj).
**Budapest.** — S-ro Jenö Szabo, VII, Dohany u. 16, I. 4, L, Pl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Josefo Mayor, IX, Remete u. 36, II, 4, L (pri scienco sociala, E. movado), Pl, PK, G. Esp-ajoj, fotografajoj.
**Budapest.** — S-ro Julio Fenyes, medicinisto, VII. Dob u. 5, II/1, PM, Pl.
**Budapest.** — S-ro Zoltán Fenyes, studento, VII. Dob u. 5, II/1, L, Pl, PM, k. ĉ. l.

## Italio

**Napoli.** — S-ro Celestino Cacace, Crociferi ai Miracoli, PM.
**Napoli.** — F-ino Cecilia Coppola, 60, Alessandro Scarlatti, Pl.
**Pisa.** — S-ro Agostino Bramanti, 9, Via Bonanno, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Pompeo Zinaghi, Via Alberto Mario, L, Pl, k. ĉ. l. (precipe kun F-inoj).
**Pisa.** — Leonida Renai, 29, Via S. Antonio, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Francesco Donati, 12, Via Nino Bixio, Pl, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Luigi Giuseppetti, Via del Mille, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Gherardo Casini, 18, Via V. Emanuele, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pisa.** — Esperantista Societo, 18, Viale Bonanini, L, Pl, PK, PM.
**Pisa.** — S-ro Piero Zerboglio, Lungarno Galileo. n. 3 p. III, Pl, k. ĉ. l.

## Jugoslavio

**Doboj** (Bosnio). — S-ro D. Vojković, apotekisto, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pirote** (Serbio). — S-ro Svetolik Đjordjević, instruisto, Donja ul. 36, L (kun junaj geinstruistoj ĉiulandaj pri la infanedukado kaj la sistemoj de la diversaj eduklernejoj).

## Nederlando

**Culemborg.** — F-ino A. M. van Roode, flegistino, L, PK (kun samprofesianinoj).
**Deventer.** — S-ro A. J. Gerards, Rielerweg 44, Pl, k. ĉ. l.
**Zutphen.** — S-ro J. de Lang, Buitensingel 90, Pl, PM, interŝanĝas portretojn.
**Zwolle.** — S-ro J. Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. ĉ. l., Pl (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p., sed ne fantaziaj).

## Norvegio

**Tonsberg.** — S-ro L. W. Halvorsen, Rambergo 30, L, Pl, k. ĉ. l.

## Polio

**Czestochowa.** — S-ro A. Karmiol, Nowy Rynek 5, L, Pl, PK, k. ĉ. l.
**Lodz.** — S-ro Felix Hiller, ul. Piotrkowska 121, L, Pl (interŝanĝas siajn originalajn kantojn kontraŭ Esp-ajoj), k. ĉ. l.
**Zamosc.** — S-ro D-ro Jan Medrkiewicz, kuracisto, salutas antaŭmilitajn korespondantojn; intencas ree korespondi, L (pri nunaj prezoj de diversaj objekto monkurzo en aliaj landoj, kompare kun Pola regno).

## Svedio

**Sandviken.** — S-ro Gustav Engberg, Bessemerg. 3, L, Pl.
**Sandviken.** — S-ro Valter Öhrman, Konsulg. 7, L, Pl.
**Sandviken.** — S-ro Anton Hammarberg, Klangvägen, L, Pl, PM.
**Sandviken.** — S-ro Oscar Westberg, Konsulg. 8, L, Pl.

## Svisio

**St. Gallen.** — S-ro J. Knapp, Moosbrückstr. 3, L, Pl, k. ĉ. l.
**St. Gallen.** — S-ro J. Eisenring, Iddastr. 33, Pl (publ. konstruajoj).

## Ameriko

**Atemaxac** (Meksiko, Guadalajara). — S-ro Ernesto E. Guerra, L (kun samideaninoj junĝantaj larĝkriterie grandajn kaj malgrandajn aferojn de la vivo).
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Angel Mazzuconi, 983, Cochabamba, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Crowley** (U. S. A., Louisiana). — S-ro J. G. Haupt, L, Pl, k. ĉ. l. (precipe pri bankaj, sciencaj, lernejaj temoj).
**Ebor** (Kanado, Man.). — S-ro A. J. MacAdoo, Pl, PM (militmarkoj dezirataj, precipe de novaj Eŭropaj ŝtatoj, Afriko, Azio, Britaj kolonioj).
**Talleres F. C. S. Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, Pl, bfl, PM.
**Tucson** (Usono, Arizona). — S-ro Harold Russell, L, Pl, PK, k. ĉ. l.
**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, L, Pl, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

## Azio

**Allahabad** (Hindio). — S-ro K. Samuel, c/o Postmaster, PM, k. ĉ. l.
**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, Pl, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).
**Ĉita** (Siberio, Transbajkala uezd.). — S-ro K. L. Cukanov, str. Verĥneudinska dom N-ro 33, L, Pl, k. ĉ. l.
**Peking** (Ĉinio). — La Esperanta Instituto The Government University, L, Pl, k. ĉ. l.
**Shanghai.** — Junula Esperanta Asocio de Shanghai, 71, Broadway Terrace, deziras ricevi diversajn Esperantajojn, propagandilojn, gazetojn. Interŝanĝe sendos PM, Pl.
**Shanghai.** — S-ro V. Stopani, Broadway East 35, junulo Pl, bfl, PM (ankaŭ pri religio kaj novaj problemoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 3 Kr.; *Belgio* 0.60 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 1.50 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.20 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1 F. M.; *Francio* 0.60 Fr.; *Germanio* 1.20 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 4 50 Kr.; *Italio* 0.70 L; *Jugoslavio* 4.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 1.20 M.; *Skandinavio* 0.35 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 25 centimoj.)

**Adresaro.** — Adresojn kaj anoncojn por „B. E. S.-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj" akceptas senĉese „Bohema Esperanto Servo" en Moravany, Bohemio, Ĉeĥoslovakio. Prospekto senpage

**Anoncoj.** — Mi korespondas L kaj PK pri komercaferoj precipe pri la efiko de anoncosistemoj por podetalaj komercoj. Juan Anguita Galan, Jaen, Hispanio.

**Anoncado.** — Firmoj ĉiulandaj, kiu intencas anonci en Persaj jurnaloj, petu kondiĉojn de S-ro Bahmen Shidani, Del. de UEA, Teheran, kiu volonte okupiĝas pri tia perado. Al informpeto aldonu nepre respondkuponon.

**Ĉasta vivo.** — La movado por ĉasta vivo en Nederlando propagandas ĝustan normon por seksa vivo, kontraŭbatalas i. a. prostituadon, duoblan moralon, novmaltusianismon, pornografion, onanion, k. t. p. — serĉas kontakton kun eksterlandaj samcelantoj. Skribu al D. Roskes, prezidanto, van Loorstraat 68, den Haag (Nederlando).

**Edziĝo.** — Instruita sinjorino (universitata instr.), de perfekta eduko, tre bone prezentiĝanta, neriĉa, deziras edziniĝi kun 40—50 jara, kiera sinjoro, de liberala profesio (kuracisto, advokato, profesoro) kun progresemaj ideoj. Granda monhavo ne necesa. Firma materia situacio estas dezirata. Oni respondu detale, kaj se eble sendu fotografaĵon, kiu estos resendata. Diskreteco postulata kaj promesita. Poste Restante Eaux Vives 0,28, Genève (Svisio).

**Edziĝo.** — Esperantisto (Eŭropano) en Hindio, deziras skribe interkonatiĝi kun fraŭlino, ĉirkaŭe 25 jara. Nur al seriozaj leteroj kun plena adreso estas respondota. Leteroj sub Epigrafo „Hindio" al Redakcio de „Esperanto", Museumsstr. 14, Bern.

**Ekspozicio.** — Esperantista Grupo Jerez de la Frontera (Hispanio) aranĝos Esperantan ekspozicion la monaton septembron 1920, celante konatigi inter neesperantistoj la utilecon de Esperanto. Oni petas al ĉiuj geesperantistoj, sendu al ni PI kaj Esperantaĵojn. Ankaŭ neesperanta materialo. Al ĉiuj oni respondos.

**Eldonistoj** de libroj kaj gazetoj en Esperanto sendu ekzempleron de siaj eldonaĵoj al S-ro Bahmen Ŝidani, Del. de UEA, Teheran (Persio). Pagota per konto ĉe C. O. de UEA.

**Esperantianoj atentu!** — O. Sklenĉka, Del. UEA, Hradec-Kralóvé, Ĉeĥoslovakio, aĉetos aŭ interŝanĝos por io ajn kompletajn jarkolektojn de la gazeto „Esperanto" 1908, 1909, 1910 kaj 1911.

**Esperantistoj.** — Mi bezonas de 1916 jarkolekto de „Esperanto" numerojn 9/10 kaj la plenajn jarkolektojn pli malnovajn ol 1914; mi estas preta interŝanĝe sendi kion ajn. O. Sklenĉka, Del. de UEA, Hradec-Kralóvé (Ĉeĥoslovakio).

**Esperanto-ekspozicio.** — Inĝ. G. Scholze, Postrum apud Deutsch-Gabel, Bohemio, danke akceptas Esperantaĵojn ĉiuspecajn, katalogojn, prezarojn, komercajn reklamilojn, gvidlibrojn, k. t. p. por ekspozicio aranĝota dum la internacia foiro en Reichenberg. Mi respondos al ĉiu sendinto per propaganda karto.

**Filatelistoj.** — S-ro Angel Tagliaferri, La Plata 3/537 (Argentino), aĉetas, vendas kaj interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj laŭ katalogoj Yvert aŭ Galvez, po 2.50 aŭ 10 fr. kolektoj el Sudamerikaj landoj.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi kian ajn kvanton de PM, mi sendos la saman kvanton de Ĉeĥoslovakio kaj Hungario. Alojs Janza, poŝtfako 26, Zilina (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Kiu ajn sendos al mi 50—100 PM de sia lando, mi tuj resendos al ili egale da Finnaj PM. S-ro Ilmari Rautio, Kuusankoskoski (Finnlando).

**Grafologio.** — Precizajn analizojn el via manskribaĵo, montrante vian karakteron, havigas al vi por 3 Fr. W. Ranft, Hauptstrasse 38, Dresden (Germanio).

**Japanaj samideanoj.** — Ricevante preskaŭ ĉiutage kartsalutojn kaj leterojn el via lando, mi petas vin, nepre skribi tre legeble, kaj ne forgesu la rimarkon, ĉu la forsendinto estas sinjoro aŭ sinjorino. La Japana nomo sole ne sufiĉas. Korajn salutojn. O. Haller, Del. de UEA, Rorschach (Svisio).

**Informo.** — Kiu povas doni al mi informojn pri mia malnova kara amiko A. A. Saĥarof, redaktoro de „Ondo de Esperanto", en Moskvo? Bahmen Ŝidani, Teheran, Persio.

**Irlando.** — Al ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la nuntempa Irlanda demando! Sin turnu al S-ro James A. Meagher, 12, Westmoreland Street, Dublin, Irlando, kiu plezure ĉion klarigos.

**Komunisma Socialismo.** — S-ro Creston C. Coigne, 2633, Creston Avenue, New York City, deziras ricevi leterojn de kapablaj kaj energiaj kamaradoj, kiuj volus kunlabori pri fondo kaj sukcesigo de tutmonda komunista federacio. Ĉiuj socialistoj kaj radikaluloj estas urĝe petataj skribi tuj.

**Korespondado.** — Mi petas miajn Eŭropajn gekorespondantojn pardoni la interrompon en la korespondado, ĉar unue mi estas tiel superŝutita per korespondaĵoj, ke ne estas eble tuj respondi al ĉiuj, kaj due mi nuntempe estas okupita per organizado de Akcia Societo „Esperanto". Pri la lasta mia sekretario volonte donas informojn al la interesuloj. Korespondado kun ekster-Eŭropanoj kaj Balkananoj estas daŭrigota. Kun samideanaj salutoj L. Altman, Poŝtkesto 103, Tallinn (Reval), Estonio.

**Kuracisto.** — Juna kuracisto, kiu volas elmigri, deziras korespondi France aŭ Esperante kun kolegoj, precipe en Argentino. S-ro Wittenberger, Budapest VII, Almássy ter. 15, II.

**Literaturo.** — Kiu samideano pruntedonus al mi „The Black Curtain", de Douglas Goldring, kaj „The second Country", de Robert Dell? Poŝtelspezoj repagotaj. R. Richez, Museumsstr. 14, Bern.

**Manifesto de Nederlandaj kontraŭmilitaristoj.** — Havebla kontraŭ respondkupono ĉe G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Ofico.** — Profesoro gimnazia, Pola homarano, literaturisto, parolanta Pole, Esperante, malpli flue Germane, ricevonte unujaran nepagatan forpermeson (1 julio 1920—1 aŭg. 1921), volus lokiĝi kun sia edzino, Esp-ino, en iu Eŭropa aŭ ekstereŭropa urbo, kie li povus trovi dum la dirita tempo konvene pagatan laboron en lernejo, oficejo, redaktejo, servi al Esp-ismo, riĉigi sian sciencon. Proponojn rekomendite al: Prof. L. Kronenberg, Kalisz (Polio).

**Peto.** — Laŭ telegrafa ordono de Mia Sinjorego Abdul-Baha, mi foriris al Hajfa (Palestino). Miaj korespondantoj bonvolu skribi ne al Teheran, sed al Hajfa ĝis apero de dua anonco. Ahmed Jazdani, VD. de UEA.

**Peto.** — Esperantisto, katoliko, el bona familio, 15-jara, el Wien, dez. pasigi sian libertempon dum somero en Svisio. Esp. familioj, kiuj estus pretaj lin akcepti senpage estas petataj sin turni al la Redakcio de „Esperanto", kiu donas ĉiajn necesajn informojn. Korespondaĵoj ĉiucelaj havu mencion „Helpagado".

**Portretoj.** — Mi kolektas portretojn de miaj korespondantoj kaj sendos mian interŝanĝe. Bahmen Ŝidani, Teheran, Persio.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro H. Hänni, Garibaldibergstr. 5, Rorschach (Svisio), interŝanĝas uzitajn kaj neuzitajn; unua sendo kondiĉo. Ĉiam respondas.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro E. Vermeulen, Wandelweg, Wormerveer (Nederlando), deziras alsendon, per deklarita letero, de PM de ĉiu lando, por kiuj li resendas sammaniere saman kvanton aŭ valoron de Nederlandaj PM kaj kolonioj.

**Propagandistoj.** — Bonvolu konstante sendi ĉiujn sciigojn pri interesaj novajoj, sociaj, kulturaj, sciencaj, komercaj de via urbo per poŝtkarto por tagaj gazetoj al Hungara Esperanto Servo, Paulo Balkányi, Hajos u. 15, II, 2, Budapest VI (Hungario).

**Stereoskopajn surkristalajn fotografaĵojn,** 45—107 mm, mi interŝanĝas. Por tio mi pretiĝis tre artan aron da Hispanaj vidindaĵoj, Eduardo Arroyo, Jaen, Hispanio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**Filatelistoj.** — Mi vendas PM: Finnlando 1918 provizora Vasa-eldono: 1 serio (7 diversaj), por 15 respondkuponoj, 10 serioj por 125 resp. kup. (afrankite). Ankaŭ interŝanĝo. S-ro T. A. Lindberg, Lappi O. L., Finnlando.

**Financa partopreno.** — Samideano inklina finance partopreni ĉe entrepreno Esperanta-komerca kaj internacia, sendu tuj adreson sub A. B. 101 al la Redakcio de „Esperanto", Museumsstr. 14, Bern (Svisio).

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Pasteloj Spa-Goudron.** — Ĉiuj personoj, kiuj suferas je astmo, bronkito, tuso kaj tuberkulozo, kaj kiuj volas konvinkiĝi pri sia resaniĝebleco, ricevos rekomenditan specimenon de Pasteloj Spa-Goudron, kiuj kuracas tiujn malsanojn. Sendu kvar respondkuponojn al S-ro Ed. Desonay en Spa (Belgio).

**Reprezentado.** — S-ro Advokato Celestino Cacace, vice-direktoro de Napola agentejo de la asekura societo „Riunione Adriatica di Sicurta", Napoli (Italio), 14, Crociferi ai Miracoli, deziras reprezenti eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercaĵoj kaj produktoj. Donas komercajn informojn pri ĉiuj Italaj komerciokoj.

**Persa komerco.** — S-ro Mehdi Alavizade, komercisto, Seraje Haĝebod-Daŭle, Teheran, petas katalogojn, specimenojn de ĉiuspecaj komercaĵoj, reprezentas fabrikojn, korespondas pri komerco.

**Teleroj kaj vazoj.** — Mendojn por manpentritaj vitraj teleroj kaj vazoj de plej alta artvaloro (precipe koloraj flormodeloj, se dezirate, ankaŭ kun Esperanto-emblemoj) akceptas D-ro Fritz Wicke, Del. de UEA, Kaszbergstr. 40/I, Chemnitz. Prezo 15 Fr. Svisa valoro kaj pli alta laŭ deziro]. Pak- kaj sendkostoj aparte. Bonega plenumo kaj zorga pakado garantiataj.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN